VII[a] jaro. N° 95 ★ Duonmonata ★ 20 Februaro 1911

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**ABONO**

| | | |
|---|---|---|
| Jara abono ...... | 2,00 $ | (5 fr. ») |
| Luksa eldono..... | 2,50 $ | (6 fr. 25) |

*La abonoj komenciĝas de la 1ª de ĉiu monato.*

DIREKTORO :

HECTOR HODLER

**REKLAMO**

| | |
|---|---|
| Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco). | 20 Sd. |
| Anonceto (1 linio : 10 vortoj) . | 15 Sd. |
| Korespondado (1 enskribo) . . | 20 Sd. |

*Rabato da 10 % por 4 enpresoj, 25 % por 12 enpresoj ; 50 % por 24 enpresoj.*

Redaktejo & Administrejo : 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



# INTERNACIECO KAJ PATRIOTISMO

Ofte oni demandas nin kial U. E. A. ne havas naciajn sekciojn, kial ĝi ne elektas unu reprezantanton por ĉiu lando, k. c. En la ĉi subaj linioj ni volas montri kial estas necese ke U. E. A. estu organizata tute internacie, kaj per tio iom klarigi unu el la esencaj principoj de nia Asocio.

La leganto permesu ke mi unue rakontu al li fakton kiu okazis al mi ĉe mia veturo al la Augsburg'a kongreso. Pro profesiaj aferoj mi, kun kvar amikoj, ne povinte ĉeesti la komencon de l'kongreso, almenaŭ esperis partopreni la ekskurson en Neuschwanstein, al la reĝaj bavaraj kasteloj. Sed oh ve ! ni tro fidis je la fervoja horlibro. Ni devis retrovi en Mülhausen la ekspreson de Kœln al Basel ; sed la vagonaro el Francujo havis duonhoron da prokrasto kaj ĉe nia alveno en Mülhausen nia ekspreso jam estis for. Ni do devis forlasi ĉian esperon pri la ekskurso al Neuschwanstein kaj pasigi la nokton en Basel, iom konsolitaj per la penso ke ni vizitos la morgaŭan tagon, anstataŭ la bavarajn kasteloj, la belegan Rhejnfalon en Konstanz.

Tiu tre ordinara vojaĝa okazo enhavas instruon, kiun ĉiu esperantisto devas mediti. Ĝi tre klare montras tion, kion oni povas atendi, *laŭ internacia vidpunkto*, de servo organizita, kiel tiu de la fervojaro, laŭ nacia maniero. Ja principe, la fervojaj horlibroj estas aranĝitaj tiamaniere, ke la korespondo estu certigita ĉe la landlimoj, dank al interkonsento de la diversaj eŭropaj fervojaj kompanioj kaj al la ekzisto de la bone konata Fervoja Unuiĝo, kies sidejo estas en Berlino. Sed tiu interkonsento estas tute bazita nur sur reciproka bonvoleco. La Unuiĝo havas nenian sankcion kontraŭ la kompanioj. Al la diversaj fervojaj administracioj, privataj aŭ naciaj, restas interne de la Unuiĝo plena sendependeco, kaj ili neniel konsideras sin kiel *solidare* ligitaj per la horlibroj antaŭ la vojaĝantoj. Se la ekspreso de Parizo al Basel havas prokraston kiam ĝi alvenas ĉe la landlimon, tio ne koncernas la germanajn fervojojn ; iliaj vagonaroj ne atendas ; ili foriras je la fiksita horo, ne zorgante ĉu la vojaĝantoj restas aŭ ne ĉe la kajo de la stacidomo. Kaj ne kredu ke tio estas ne komuna okazo. Ĉiuj personoj kiuj multe vojaĝadas, diros al vi ke ĝi estas oftega. Cetere la kongresintoj en Barcelono, kiuj partoprenis la ekskurson al Valencio scias ke, ĉe la reveno, la francan vagonaron oni maltrafis en similaj cirkonstancoj, kaj ke pro la manko de hoteloj en Cerbère, pli ol kvindek samideanoj devis pasigi tutan nokton ĉu en la atendĉambroj, cetere tro malgrandaj, ĉu sur la kajoj de la fervojo, sub libera ĉielo, feliĉe dolĉa en tiuj landoj.

Tio kion ni jus diris pri la fervojoj estas ankoraŭ pli vera pri la praktika Esperantismo. La fervojoj, ja estas utilaj interne de la nacio mem. La vojaĝantoj kiuj ne eliras el sia provinco aŭ el sia lando, estas multe pli multaj ol tiuj kiuj transiras la landlimojn. Estis do iam tute nature organizi la fervojojn laŭ regionoj kiel en Francujo, en Svislando, en Hispanujo, k. c. Poste, kiam la longaj vojaĝoj plimultiĝis, kiam la pligrandiĝo de l'komforto kaj de la rapideco ebligis longajn veturojn sen forlaso de la vagono, oni trovis la regionajn fervojojn tro malgrandaj, kaj oni estis devigata ilin

parte naciigi, aŭ krei pli kaj pli severan kontrolon de la Ŝtato sur la kompanioj. La naciigo de la fervojoj estas do, je tiu vidpunkto, nekontestebla progreso. Ankoraŭ pli granda progreso kiu nepre fariĝos, ĉar ĝi estas necesa, estas ke oni ilin *supernaciigu*, aŭ almenaŭ ke oni supernaciigu la grandajn liniojn por la tutmondaj interrilatoj. Unua provo, jam malnova, estas la kreo de la Kompanio de la Litvagonoj. Ĉiuj vojaĝantoj, turistoj aŭ komercistoj, havas intereson ke, malgraŭ multaj malhelpoj ĉiuspecaj, speciale politikaj, tiaj provoj plimultiĝu kaj sukcesu.

Sed la praktika Esperantismo ne havas lokan aŭ nacian rolon. Por la diversaj bezonoj de la vivo inter samnacianoj, oni neniam bezonus Esperanton, ne pli ol oni bezonas telefonon por interparoli kun la membroj de sia familio, en la sama hejmo. Esperantista praktika organizajo do devas antaŭ ĉio fari servojn sur la kampo de la internaciaj rilatoj, kaj ĝi taŭgos por tio, nur se ĝi estas internacie organizita. Sindikato de esperantistaj societoj nacie organizitaj, devige prezentus, en la pratikaj aferoj, samajn maloportunajojn kiel la Sindikato de la Fervojaj Kompanioj. Jen kial U. E. A. kies celo estas krei internaciajn servojn por siaj membroj, vivadas kaj etendiĝas super la naciaj, rasaj, politikaj aŭ lingvaj grupiĝoj, kiujn ĝi sisteme devos ignori estontece kiel ĝis nun.

* * *

— Bone, diras iu, vi do estas internaciistoj, kaj ĉiu scias ke internaciistoj estas malamikoj de la nacioj.

Tia aserto de kelkaj niaj kontraŭantoj, nur pruvas ke ili ne havas eĉ la plej malgrandan komprenon de la principoj de U. E. A. Nia Asocio, kiel ni ĝin montris, opinias ke oni devas organizi nacie la naciajn aferojn, kaj internacie, aŭ pli bone supernacie, la internaciajn. Kiam iu samurbano via partoprenas en la ĝeneralaj aferoj de via lando, ĉu vi lin kulpigas pro malamo al sia urbo de naskiĝo ? Kial do, se samnaciano via simile havas intereson en la tutmonda vivo, por idealaj aŭ intelektaj celoj, aŭ por siaj komercaj, industriaj bezonoj, vi jetus al li tiun abomenan akuzon, ke li malamas sian patrujon ?

Interne de U. E. A. estas nek angloj, nek rusoj, nek germanoj, nek francoj : estas nur esperantianoj, tute same kiel interne de la politikaj grupiĝoj de via urbo, estas ne reprezantantoj de tiu aŭ alia familio, sed nur civitanoj. Kaj ĝuste por ke tiu kunlaborado de ĉiuj bonvolaj homoj estu ebla, sen naciaj ofendiĝoj, en nia Asocio, ĝi zorge restas neŭtrala rilate al politiko, religio kaj al ĉio kio koncernas nur la internan vivon de la nacioj.

La Ia Kongreso de U. E. A. en Aŭgsburg ankoraŭ plifortigis tiun principon, per la deziresprimo ke en ĉiuj oficialaj eldonoj de nia Asocio, oni evitu la pridiskutadon de ĉiuj politikaj, religiaj kaj naciaj aferoj.

Aliĝante al U. E. A. ni klare certigas nian solidarecon, mi ne diras kun *ĉiuj* homoj, sed kun tiuj homoj, tiuj *bonvoluloj* kiuj al ni lojale prezentas la manon kaj konsentas pace labori kun ni sur la neŭtrala fundamento de la Zamenhofa Esperantismo. Dume, ni ne forlasas eĉ la plej malgrandan parton de nia amo al nia patrujo, kiel al nia urbo kaj al nia familio. Sed ĉu la amo de filo al sia patrino, konsistas en tio, ke li kriu ŝiajn laŭdojn sur la stratoj kaj en la publikaj kunvenoj ? Simile ni opinias ke amo al nia patrujo estas privata kaj intima afero, kaj ke estas nedece fari pri ĝi, laŭ la kutimo de tiuj pseŭdopatriotoj, nome la ŝovinistoj, senĉesajn deklarojn en la diversaj manisfestadoj de la tutmonda vivo.

Kun tiuj homoj. kaj kun tiuj, plejofte la samaj, kiuj opinias sian devon malpurigi la amon al sia patrujo per malamo ol la patrujoj de aliaj homoj, ni volas havi nenion komunan. Sed ni volas resti samtempe bonaj esperantianoj kaj bonaj patriotoj, konvinkitaj ke, laŭ la belaj vortoj de nia Majstro, « la Esperantismo kiu predikas amon, kaj la Patriotismo, kiu ankaŭ predikas amon, neniam povas esti malamikaj inter si ».

TH. ROUSSEAU.

# Liberaj Vortoj

## Pri nia gazetaro

Alia kredo, kiu tro longe instigis la senregulan naskadon de novaj gazetoj estas la aserto, ke « ĉiu nacio nepre devas havi sian propran Esperantistan gazeton ». Ni konfesas, ke nin ĝis nun ne tuŝis tiu dogmo, en kies nomo fondiĝas plej riskaj entreprenoj, Ni ĉiam kredis kaj ankoraŭ kredas, ke Esperanto estas internacia, aŭ pli bone tutmonda afero, kaj ni tute ne vidas kial estas necese ĝin senĉese ligi kun naciaj aŭ nacilingvaj limoj. Se Esperanto estas destinita por servi pure naciajn interesojn, ĝi vere estas superflua. Por tio tute sufiĉas niaj naciaj lingvoj. Kontraŭe ĝi estas destinita por kunligi la popolojn, plifaciligi iliajn rilatojn tute sen diferenco pri nacio aŭ lingvo aŭ religio. Se oni akceptas, ke gazetoj povas helpi al plimultigo de rilatoj interhomaj, oni konfesos, ke la internaciaj gazetoj Esperantistaj pli konformiĝas al la celo de Esperantismo ol la naciaj.

Oni bone komprenu nin : ni ne asertas, ke ne devas ekzisti naciaj Esp. gazetoj, sed ke estas tute ne konforme al la celo de Esperantismo juĝi, ke ĉiu nacio devas havi sian gazeton. En la grandaj landoj, kie la klientaro estas sufiĉe multenombra, naciaj gazetoj povas vivi normale. Ili per tio pravigas sian ekziston. En la malgrandaj landoj, la klientaro estas tro malmulta por vivigi *taŭgan* kaj *interesan* gazeton. Tiuokaze anstataŭ perdi monon, tempon kaj forton, ĝiaj redaktoroj pli bone agus ĝin ĉesigante kaj kunfandante kun alia, eĉ alinacia. Tion, ili ĝenerale faras, sed premite de neceseco, dum ili povus ĝin fari pli frue, se, pro la supra antaŭjuĝo, ili ne kredus, ke ilia nacio estos senhonorigata, se ĝi ne posedas sian gazeton, eĉ kvarpaĝan folion.

Interesa, laŭ la Esperantisma kaj ekonomia vidpunkto, estas la ekzisto de plurnaciaj gazetoj. *Danubo*, kiu estas organo de bulgaraj kaj rumanaj Esperantistoj, estas tia ekzemplo. Ni ne vidas kial la Skandinavoj ne imitus. Tio almenaŭ evitus la ekziston de kelkaj gazetetoj malfacile vivantaj kaj koncentrus penadojn, alie dispecigitajn.

Restas demando pri propagando kaj lingvo. « Estas necese ke ĉiu nacio havu sian gazeton, ĉar ĝi estas utilega por nacia propagando kaj ellernado de la lingvo ». Du asertoj dubaj. Ĉu vere nacia gazeto estas tiel grava por propagando, kiel oni ĝenerale kredas ? Unue, por esti propaganda tiuj gazetoj devus havi gravajn artikolojn en nacia lingvo, tiajn ke ili povus konvinki skeptikulojn. Nu, multaj el ili estas redaktataj Esperante kaj havas nur malmultajn informojn nacie. Sed, eĉ redaktatajn tute nacilingve, ĉu oni kredas, ke la « skeptikuloj » ilin atentos? La skeptikuloj tute ne deziras konvinkiĝi kaj ĉiaokaze nenion ekfaros por sin malskeptikigi. Al personoj dezirantaj ekscii pri Esperanto ne mankas la taŭgaj libroj, kaj kiel dokumentoj bona internacia gazeto ĉe kiu kunlaboras multaj diverslandaj samideanoj estas pli trafa ol modestega kelkpaĝa nacia gazeto.

Pli vere, niaj gazetoj utilas por konservi la jamajn adeptojn, sed ankaŭ por tiu rolo pli taŭgas la internaciaj organoj, kiuj pli profunde konigas nian Esperantujon kaj niajn diverslandajn samideanojn, kiuj donas pli ĝustan ideon pri nia movado, ĝia vivo kaj ĝiaj tendencoj.

Restas ankoraŭ ekzamenota la influo de la gazetaro sur la lingvo mem.

H. H.

# SOCIA VIVO

HISTORIO

## Kvindekjara Jubileo de Vladivostok

*(Daŭrigo.)*

En senviva loko malproksime de l'ceteraj homaj movadoj, kiel trempita en ŝlimon de granda marĉo la loĝantaro de tiama Vladivostok restanta en konstanta dormado rapide senmoraliĝis kaj degeneris. Oni bezonis fortajn sentaĵojn kaj neordinarajn impresojn.

Vojaĝoj sur mizeraj velŝipetoj tra la malkvietaj golfoj de Amur kaj Usuri, ĉasado je tigroj, aproj kaj ursoj, « kuriozaj » ekspedicioj kontraŭ la « ĥunĥuza » ĉio-ĉi jam ne estis sufiĉa. Ĉi-tio jam ne incitadis kaj ne ekscitadis la malsentemajn kaj malddiligentajn nervojn.

Kaj jen aperis klubo. Ĝi estis, verŝajne, la plej neordinara en la tuta mondo laŭ sia nomo kaj laŭ sia regularo. Ĝi estis nomata « la klubo de lancepupoj » (vorto esperanten ne tradukebla) kaj ĝia tuta regularo prezentis nur mallongan frazon :

— Se tio plaĉas al la sorto — mortu...

En malluma kabano sur la loko, kie nun troviĝas la administrejo de Usuri-fervojo havis sian sidejon la « klubo de lancepupoj ».

Ĉe tabletoj kunsidadis la membroj de respektinda klubo, manĝadis kaj trinkadis, kaj nur la dejoranta ĉefo trairadis la ĉambron kun sako da jetostoj. Ĉiu ŝovis la manon en la sakon por elpreni jetostojn kaj du personoj nepre trafadis jetostojn signitajn.

Ĉi-tiuj feliĉuloj devis ludi la tigroĉason !

Tuj aperadis la atributoj de la ludo — lignaj ŝtuparoj, sonorileto, pistolo kaj milita... kuracisto. La vizitantoj surrampadis la ŝtuparojn, sidante sur la plafono mem ; la lampojn oni estis estingintaj kaj en la densa senlumo estis aŭdeblaj nur la paŝoj de ŝtelirantaj ludantoj. Sed jen en unu angulo de la ĉambro malklare eksonis la sonorileto kaj tuj post tio ektondris pafo.

Sukcesplene, feliĉe. La « tigro » maltrafis kaj tial mem prenas la sonorileton por mem fali kiel ofero. Granda estas la nombro de ludintoj, pereintaj en la « klubo de lancepupoj », kiujn memoras Vladisvostok.

Ne malpli ankaŭ da ili faladis malsupren de la ŝtuparoj, vunditaj aŭ senvivigitaj per la blinda kuglo de « l'tigro ».

Kaj longe super la suprajo de pentrinda « Ora Korno » flugadis la eĥo de l'ekpafo, refrapata de la verdaj ĉirkaŭaj montoj, estante samtempe signalo por alia klubo sur la Agla Nesto (propra nomo de plej alta monto ĉe Vladivostok).

Tie sur la nuda montpinto, superanta la tutan montaron kaj la golfon, en tendo ĉe simpla nekolorigita tablo sidis la « klubanoj » ludante kartojn, kaj aŭskultadis eblan ekpafon aŭ ekfajfon de alveninta ŝipo.

Apenaŭ nur unu sono atingas la klubon sur la « Agla Nesto », tuj la preskaŭ freneziĝintaj pro enuo kaj soleco homoj komencas drinkadon, konsumante per plenaj glasoj brandon, rumon kaj konjakon ĝis la tuta « Guorum » ekenteniĝis sur la tero.

Tian teruran senhaltan drinkadon « en silento » priskribis bonege nuntempa rusa verkisto Kuprin en sia « Duelo ». Sendube, se nun ankoraŭ ekzistas en la provincaj garnizonoj tiu kutimo — ĝia deveno apartenas al la klubo sur la « Agla Nesto » kiu leviĝas super la Ora Korno kaj fiere rigardas sur la Rusan Insulon kaj la malproksiman lumturon de Skriplov.

(Daŭrigota.) R. J. Elleder. Del. U. E. A. Vladivostok.

## Vintraj Sportoj

En la pasinta tempo, oni nur somere suriris la Alpojn aŭ Pireneajn montojn. Nun, pro la sportoj, tiuj altaj regionoj estas vintre eĉ pli vizitataj. En tiu sezono cetere la montoj aspektas plej bele, la aero estas seka, saniga, kaj per diversaj amuzaĵoj rapide pasas la tagoj. La turistoj povas tie ĝui en luksaj hoteloj ĉiujn agrablaĵojn de nia komforta moderna vivo ; for de l'urboj, meze de preskaŭ sovaĝa naturo, tiuj sportulaj kolonioj konservas tamen la karakterizon de mondumaj rondetoj.

La vintraj sportoj estas do profito por la landoj kie ili povas organiziĝi. La Francoj komencas ilin praktiki, sed de longe tion faras Angloj, Amerikanoj, Germanoj kaj Aŭstrianoj. « Lugge, toboggan, bobsleigh, skis, curling, bandy », jen la ĉefaj terminoj de la neĝaj sportoj. Ni ne povas en mallonga artikolo klarigi ĉiujn, sed nur la tri unuajn, kiuj, kvankam plej uzataj, de multaj personoj estas nekonataj.

*Ŝlitilo, tobogano* kaj *bobsleo* havas tion komunan, ke ili estas neĝveturiloj per kiuj oni deglitas malsupren laŭ deklivo.

La *ŝlitilo*, alta 30 aŭ 35 centimetrojn, konsistas el seĝo formata per interspace apudmetitaj tabuletoj, ambaŭflanke apogata sur du lignaj skatoj, sube kovrataj per ŝtalo kaj suprenflek sataj en la antaŭa parto. Ĝia longeco varias. La ŝlitisto, sidanta iom postkline, direktas la glitadon puŝante sian veturilon jen dekstren, jen maldekstren per piedoj kaj bastono, kiujn li uzas ankaŭ por halti aŭ malakceli. Tiu ilo estas simpla, iom « primitiva » sed facile konstruebla.

La *tobogano* estas pure sporta veturilo. Ligna plataĵo, longa proksimume unu metron kaj matracita, apogiĝas sur du ŝtalaj skatoj, ambaŭpinte rekurbigitaj. La sportulo kuŝiĝas sur la plataĵo, tenante stangon horizontale fiksitan ĉe la antaŭa parto de la du skatoj, kaj direktas per la malantaŭe pendantaj piedoj. Ĉar kelkaj deklivoj atingas kelkfoje 25 aŭ 30 pro 100, la rapideco iĝas tre granda (30 kilometroj hore, eĉ pli) ; la ofte akutaj vojturnoj estas klinrande arangitaj, sed malgraŭ tio povas okazi, ke toboganisto, pro troa rapideco, elvojiĝas super tiu rando. Konsekvenco de tiuj faloj : bandaĝitaj brakoj kaj tolaĵoj ĉirkaŭ la kapo.

Ĉe la vojturno, oni refirmigas la ekvilibron alilokante la pezocentron kaj proksimigante ĝin internen de la kurbo ; por tio unu mano estas etendata tiuflanken. La ŝuoj estas provizataj per grandaj krampoj por laŭiri la vojturnojn kaj, se necese, malrapidigi. Tiu vera sporto havas siajn specialistojn. de kiuj ĝi postulas kuraĝon, malvarmsangecon kaj rapidan decidemon.

La *bobsleo* (mallonge « bob ») estas longa, perfektigita ŝlitilo, kie povas trovi lokon 8,10 aŭ 12 personoj. Ĝi konsistas, por tiel diri, el du ŝlitiloj kunigitaj per tabulo ; la du antaŭaj skatoj kune turniĝas ĉirkaŭ vertikala akso. La unua el la vico tenas en la manoj direktan radon, kiel en aŭtomobilo ; la lasta tenas la bremson por reguligi la rapidecon. La bremso estas simpla ligna peco premebla per levilo kontraŭ la tero ; sur la konkursaj bobsleoj, ĝi estas ŝtala rastilo kun du teniloj. La centre sidantaj havas kiel solan funkcion « esti balasto » kaj kliniĝi ĉe la vojturnoj por ebligi sen akcidento la plej grandan rapidecon, metante la pezon interne de la kurbo.

La bobsleoj portantaj grandpezajn homojn atingas nekredeblajn rapidecojn. En la Francaj Alpoj, sur rekta glitejo, oni superis 80 kilometrojn hore. Sed ne la rapideco de bobsleo montras la valoron de ĝia uzantaro ; ĝi dependas samtempe de la klineco, kvalito kaj angulo de la kurejo. La bonaj glitvojoj estas la plej malfacilaj, ĉar ili elmontras la

ecojn de la veturantaro ; kelkaj rapidege laŭiras rektangulajn vojturnojn. Ĉiuj konkursoj estas kronometrataj, kaj bobsleo povas forgliti nur kiam la antaŭa transpasis la timpunkton malsupre ; de tie la diversaj ŝlitiloj estas mekanike retrenataj supren. Sur kelkaj sportlokoj ekzistas ŝnuraj fervojoj, kiuj organizas specialajn servojn por la uzado de la sportuloj.

La periodo de la bobsleaj konkursoj estas ĉiam la plej grava ; en Davos (alta valo de Rejno, Svisujo), ili kaŭzas neordinaran entuziasmon. La germana Konprinco ofte partoprenis en la konkursoj, kaj la imperiestro de Germanujo donacis pokalon por kiu oni ĉiujare konkuras sur la glitvojo de Schatzalp (Svisujo), la plej longa (3412 metr.)

En 1909, tiu pokalo estas gajnita de franca anaro ; en 1910, de anglaj sportuloj, kiuj ĝin jus ricevis ankoraŭ en 1911. La venkinta bobsleo uzis 3 min. 31 sekundojn per tragliti la tutan vojon kun ĝiaj 41 vojturnoj ; la meza rapideco estas ĉo proksimune 59 kilometroj.

L. J. P.

## Por la maljunaj ŝtallaboristoj en Usono

Dum la nuna jaro (1910) la Usona Ŝtala Korporacio rezervigis monsumon egalantan 24.000.000 Sm., el la rento de kiu ĝi intencas doni pensiojn al la maljunaj dungitoj de la kompanio. Direktistaro da dekdu administrantoj prizorgos la fondajon kaj aranĝos la pensiajn regulojn. Laŭ la jus anoncitaj reguloj kiuj efektiviĝos de Januaro 1911, troviĝos tri klasoj de pensiuloj :

1a Tiuj kiuj, laŭ la volo de la fabrikejestroj, estas devigataj forlasi la laboradon, estinte dum 20 jaroj aŭ pli en la servado de la kompanio, kaj atinginte la aĝon 70 jaroj. — 2a Tiuj kiuj laŭ sia volo ĉesigas la laboradon post 20 jara servado, atinginte la aĝon 60 jaroj. — 3a Tiuj kiuj ricevos pension daŭre, nekapabliĝinte daŭrigi la laboron, estinte ĉe la kompanio 20 jarojn aŭ pli.

La monataj pensioj havigotaj estos eltirataj el la rento de la monfondajo kaj estos bazataj jene : Por ĉiu jaro de la servado 1 0/0 de la monatsalajro ricevita dum la pasintaj 10 jaroj estos donata al la pensiulo. Ekzemple, se dungito estis ĉe la kompanio 25 jarojn kaj dum la pasintaj 10 jaroj ricevis salajre monate 160 Sm. tiam pensie li ricevos 40 Sm. ĉiumonate dumvive. Konsiderante ke la dirita Korporacio havas preskaŭ 200.000 dungitojn oni povas kompreni la grandecon kaj financgravecon de tia propono.

Ĉi tiu pensia sistemo estas tute aparta de alia sistemo per kiu la kompanio provizas tiujn, kaj ties familiojn, kiuj vundiĝis, serioze malsaniĝis aŭ eble mortiĝis ĉe la diversaj fabrikejoj. Tiel danĝera, tiel laciga, tiel maljuniga estas la laborado ĉe ŝtalfabrikejoj ke verŝajne la kompanioj kiuj kondukas tiajn laborejojn sentas ke estas ilia devo prizorgi iliajn dungitojn kiam al ili venas la maljuneco kaj la akompananta malkapableco laborgajni la panon. Neniel la dungitoj pagas monon por starigi la pensian monsumon. Entute ĝi estas provizata de la kompanio kaj ĉiel estas pure filantropa.

H. Hall (Cleveland).

IDEOJ & FAKTOJ

## Novajoj el Ĥinujo

En Peterburga societo de orientesplorado, ĝia membro S-ro A. Ivanov raportis pri sia vojaĝo Pekinon dum la pasinta somero. Estinte komisiata ofice de la Universitato kaj de la Praktika Akademio de orientlingvoj, kun kvin studentoj, S ro Ivanov ekvidis multe da novajoj, kompare kun tio, kion li observis en 1902-1905 jaroj. La norda Manĝurujo post la milito restas ĝis nun senzorge lasita kaj fermita. Des pli akre atentiĝas la bolanta laborado de Japanoj en suda Manĝurujo. Rusa stacio Kuanĉendzi-malgranda, malpura ; ĝiaj ĉirkaŭajoj estas ne aranĝitaj ; sed la proksima japana stacio Ĉanĉun havas belegan kaj malkaran hotelon, elektron, kanalizadon, larĝajn vastajn stratojn, telefonojn, k. t. p. En hotelo, en magazenoj, ĉie, oni prenas de eŭropanoj 5-6 foje plikare. Post la milito de 1904-1905 de Pekino en diversajn direktojn oni konstruas vojon. La vojo suden, en Ĥankou'n, estas jam preta kaj la sudo superverŝas Pekinon : amaso da sudaj ĥinoj, la plej kleraj, civilizitaj ; amaso da komercajoj, da sudaj kapitaloj fluas en Pekinon. Samtempe oni monstre pligrandigis la prezojn por ĉio bezona por vivado. La ĥina gazetaro faras rapidajn progresojn : multaj jurnaloj atente observas la agadon de la registaro kaj iafoje mallaŭdas ĝin tre akre ; sed ĉiuj jurnaloj havas nacian direkton kaj ĉiuj estas kontraŭ eŭropanoj. Antaŭ ne longe aperis la unua ilustrita kaj humoraja gazeto kun pamfletoj pri ĥinaj politikaj agantoj.

La popolinstruado faras kolosajn progresojn. Tuta instruado fariĝas en ĥina lingvo. El fremdaj lingvoj oni instruas la francan, anglan kaj germanan ; sed la rusa malaperis. La antikva kutimo pagi salajron al lernantoj estas neniigita ; male lernantoj devas nun pagi por instruado kaj nutrajoj Tiu ĉi novajo sekvigis veran ribelon : oni estis konsenta almenaŭ pagi la instruadon, sed nutrajojn neniel. Malgraŭ sistemaj premadoj al alidanduloj, la germanoj eksciis sin teni en komercaj kaj industriaj rilatoj kaj superis ĉiujn aliajn eŭropanojn. La German-Azia banko faras en Pekino bonegajn aferojn. Sed la graveco de rusoj — politika kaj komerca — reduktiĝas al nulo. Solan ĝojan aperon prezentas nur la ortodoksa religia misio kun ĝia belega mastrajo kaj kun bona rusa lernejo,

A. I.

## « Optika iluzio » (1). Pensoj pri milito

Kredeble, unu el plej interesaj kaj originalaj libroj, aperintaj en Anglujo dum 1910, estas la verko de Norman Angell. La libro (2), kiel raportas la gazetoj, estas jam tradukata en la lingvojn francan, germanan kaj italan. La aŭtoro tuŝis la teruran demandon pri la kolizio inter grandaj imperioj (pli ĝuste diri, inter Angujo kaj Germanujo), kiun konsideras kiel neeviteblan eĉ la adeptoj de paĉo, kiel ekzemple F. Harrison. Tuŝante la demandon pri milito, la aŭtoro pritraktas ĝin tre originale.

La ĉefaj tezoj, pritraktataj en la libro de Norman Angell, reduktiĝas al la jeno : Kiaj estas la ĉefaj kaŭzoj, kiuj devigas la grandajn imperiojn, tre energie sin armi ? Ĉiu regno asertas, ke la armado estas kaŭzata de l'neceseco sin defendi. Tiu aserto baziĝas sur la opinio, ke por la regno estas ĝenerale profite ataki sian najbaron. Sed kiom granda estas tiu ĉi supozata profito ? De ĉiuj estas akceptita la teorio, ke la milita kaj politika potenco donas al la nacio komercajn kaj sociajn profitojn ; ke la bonstato kaj riĉeco de sendefenda popolo tute dependas de la pli forta kaj pli bone armita nacio, kiu povas proklami la militon en ĉiu ajn minuto. Tiamaniere, la riĉa nacio ĉiam devas sin armi, por defendi sin de l'avideco de najbaroj. Norman Angell en sia libro protestas kontraŭ ĉi tiu teorio, kaj asertas, ke ĝi estas bazita nur sur « optika iluzio ». La aŭtoro pruvas, ke la milita kaj politika potenco *ne donas* al la popolo komercan superecon, kaj ke en la nuna tempo tute ne estas ebla, de ekono-

(1) El la rusa gazeto « Russkija Vedomosti ».

(2) Jen estas la plena titolo de la verko : « Norman Angell » The Great Illusion. « A study of the Relation of Military Power in Nations to their Economic and social Advantage. » Londo, 1910, XVI, 315.

mia vidpunkto, la almilito aŭ neniigo de riĉeco de iu ajn nacio. La nacio ne povas pliriĉiĝi per jugo de alia popolo. Unuavide la aserto de l'aŭtoro ŝajnas tute paradoksa ; sed Norman Angell, por subteni sian tezon, elmetas tre konvinkajn argumentojn.

La aŭtoro atentigas pri tio, ke la riĉeco de kulturaj regnoj estas bazita sur kredito kaj komercaj kontraktoj. Kaj se la venkinto kuraĝis konfiski la riĉajojn de l'venkito, tiam la lastaj, estante bazitaj sur kredito, tute detruiĝus, nenion postlasinte al la venkintoj. Sed ĝi estas ankoraŭ ne ĉio : la neniiĝo de l'riĉajoj de l'venkitoj kaŭzus neeviteblan komercan katastrofon en la lando de l'venkintoj.

Tiamaniere, zorgante pri siaj propraj interesoj, la venkinto estos devigata tre atente gardi la proprajon de l'venkitoj. Kaj se efektive estas tiel, tiam la milito kaj la venko en ekonomiaj sferoj fariĝos absolute senutilaj.

La aŭtoro montras, ke la kredito de malgrandaj kaj tute sendefendaj regnoj staras multe pli alte, ol la kredito de unuagradaj militaj regnoj. La belgaj 3 0/0 paperoj kostas 96, sed la germanaj — 82 ; la norvegaj 3 0/0 paperoj kostas 102, sed la rusaj 3 1/2 0/0 — 81. La tezo, ke la anekso de iu teritorio pligrandigas la naciajn riĉajojn, estas ankaŭ bazita sur optika iluzio, — pruvas Norman Angell, — ĉar la riĉajoj de l'almilitita popolo restas ja en ĝiaj manoj. Se, ekzemple, al la urbo Londono estus alkalkulita unu el ĝiaj plej riĉaj cirkaŭajoj, — la londonanoj tute ne fariĝus de tio ĉi pli riĉaj. La samo okazos, se unu el regnoj aneksus la alian. Ŝanĝiĝos nur la administracio (pli bona — anstataŭ malpli bona, aŭ kontraŭe), sed en la nuna tempo tute ne estas ebla la vivado de l'venkinto per la rimedoj de l'venkita provinco. Ĉe l'nuntempaj ekonomiaj kondiĉoj, la impostoj, kiuj estas kolektataj inter la loĝantoj de iu provinco, devas ja esti elspezataj por la sama teritorio. Tiamaniere, la situacio de l'venkintoj en fiska rilato tute ne ŝanĝiĝus. Kiam Germanujo aneksis Elzason, neniu el germanoj ricevis eĉ unu markon de l'milita trofeo.

Plu la aŭtoro pruvas, ke la financoj de diversaj regnoj estas nuntempe tiel komplike kunligitaj unu kun la alia kaj kun la industrio, ke eĉ en la komerca sfero ne estas rimarkebla la jugo de l'venkinto. Do, el ĉio dirita sekvas, ke la politika kaj milita potenco esence neniel povas akceli la disvolviĝon de l'komerco. Efektive, la komercistoj kaj industriistoj de regnoj, kiuj estas malfortaj en militpotenca rilato, tre sukcese ja konkuras kontraŭ la negocistoj kaj fabrikantoj de grandaj imperioj. Tiel, la svisaj kaj belgaj fabrikproduktoj elpuŝas sur la kanada bazaro la Anglajn. Proporcie kun la loĝantaro Norvegujo posedas pli grandan komercan ŝiparon, ol Anglujo. Plue, Norman Angell montras, ke la novaj kondiĉoj de l'kreditado (rezultato de plibonigo de komunikaj vojoj kaj interproksimiĝo de popoloj) treege komplikis la nuntempajn internaciajn politikajn interrilatojn kaj transformis ilian tutan karakteron. Tiaj estas la fundamentaj tezoj, disvolvataj en la unua parto de la libro, kie la aŭtoro traktas nur la ekonomiajn faktorojn.

En la dua Norman Angell analizas la tezon, tre ofte uzatan, ke la homa naturo mem celas al la milito. La adeptoj de tiu ĉi tezo asertas, ke la militaj instinktoj estas propraj al homo ; ke la homa naturo ne ŝanĝiĝas ; ke la militemaj popoloj heredas la teron kaj ke nur la militemo povas doni al la nacio tiun energion, kiu estas necesa por fariĝi venkinto en la porekzista batalo. Ĉi tiujn tezojn, tre ofte ripetatajn, Norman Angell refutas paŝo post paŝo. La aŭtoro pruvas, ke la homa naturo ne restas senŝanĝa ; ke la militemaj popoloj ne heredas la teron ; ke la milito ne kaŭzas la konserviĝon de la plej bone adaptiĝinto ; ke la internacia batalado ne estas postulata de l'evolucia leĝo. La identigo de milito kun la proekzista batalo estas nur rezultato de nekompreno de la biologia leĝo. Plue la aŭtoro pruvas, ke en la homaj interrilatoj la kruda perforto estas faktoro, kiu ĉiam pli kaj pli ofte malaperas de sur la terglobo, kaj ke tiu ĉi cirkonstanco sekvigas tre profundajn piskologiajn ŝanĝojn. La homaro ĉiam pli kaj pli forte grupiĝas sur la tero laŭ siaj *interesoj*, sed neniel laŭ la *limoj*, kiuj markas la regnojn. La nuntempa regno tute perdas sian unuflankan karakteron. Ĉiuj ĉi tiuj multenombraj faktoroj, kiel opinias la aŭtoro, devas tute neniigi la konkuradon inter la regnoj.

(*Daŭrigota*).

---

## La festeno de l'Morto

(Letero el Ĥarbin, Manĝurio)

La « pestejo » Fudzadan estas ĥina antaŭurbo de rusa Ĥarbin. Ĝi havigas por Ĥarbin laboristojn kaj provizojn de nutrajo. En Fudzadan loĝas 63 0/0 da ĥinoj, kiuj la tutan tagon laboras kaj komercas en Ĥarbin. La terura mortcifero de pulmopesto permesas, ke ĝi estu nomata : « urbo de la Morto ». Ĉiutage ja mortas 100-120 personoj. Estas vera festeno de l'Morto.

Oni ne povas imagi la inferon, observeblan en Fudzadan. Mi partoprenis la militon mi vidis la Mukdenan defendon, dum kiu la vunditoj frostmortis kaj la forkurantojn mortigis la japanaj kuglegoj ; tamen la militajoj ne impresas tiel forte, tiel senindulge, kompare kun la pestepidemio en Fudzadan.

Atinginte la urbeton Fudzadan vi tuj renkontas la Morton, kiu kruele, senkompate flugas super la tero.

Jen apud la vojo putras malviva ĥino. La rigidaj brakoj estas dise etenditaj, la okuloj estas fermitaj.

Post kvindek paŝoj dua kadavro. Nia ĉevalo time sin jetis flanken. Sur la lipoj de la mortinto fluas sango : verŝajne li jus falis..

Apud fanzo (ĥina dometo) staras grupo da Ĥinoj. Jen proksime ni vidas la epidemiistojn : dum la nokto en la fanzo mortis tri ĥinoj. Nun oni kuŝigas ilin sur veturilon. Du jam kuŝas. Brako de la tria trafis en la radon kaj... rompiĝis. Ĥina kuracisto en pelto kun fela kolumo gvidas la epidemiistojn havante « spirilon » sur la lipoj.

Ni jam veturas tra la stratoj de Fudzadan. Ĉe stratangulo sidas ia ĥino. El la buŝo gutas sango. Jen li kuŝiĝis flanken, rektiĝis... Sur la teron elfluis kelke da sangeroj.

— Pestulo — diras mia kunveturanto — kuracisto, kiu ŝirmas sian buŝon per tuko.

La plej terura estas la timo, ĉar ĝis la lasta tago neniu scias, ĉu li ankoraŭ restas sana. Nature, la ĥinoj estas tuje forpelataj, se ili suspektinde tusas. La mizeruloj nokte vagas tra la stratoj kaj time kraĉas, rigardante, ĉu sango fluas, ĉar tio signifus la finon : fali teren kaj humile morti.

La morto venas rapide, neatendite. Se la temperaturo atingas 40° la ĥinoj ankoraŭ iradas. Poste, senfortigite ili elektas dezertan lokon, ian rubejon, kaj agonie ŝovas la vizaĝon en koton.

Sur unu strato ni renkontis kvar kadavrojn. Ronde staras ĥinoj...

Jen apud butiko sidiĝis ĥino. La mastro lin puŝis piede. Ĉu li estas pestulo aŭ laculo ? Kiu scias ? !

La terura Morto sufokis la senton de humaneco. Homoj bestiĝis. La parencligoj malaperis. Se patro ektusas, la filo senprokraste lin trenas straten kaj tie forlasas. Li mortu apud fremda domo, ĉar alie la tuta familio estos medicine observata. Sed post du tagoj mortas la ceteraj familianoj.

La epidemiistoj matene vizitas ĉiun fanzon (ĥina dometo). Ili frapas. Post kiam neniu respondas, ili rompas la pordon, ĉar estas klare, ke ĉiuj fanzanoj mortis.

Kuracistoj mankas.

Jen ree du kadavroj sur interspaco de kvin paŝoj.

La pasantoj time iras tra la stratoj. Se iu kraĉas, ĉiuj transiras la straton kaj rifuĝas en ian korton.

Ni jam estas en la ekstremo de la urbeto. Denove kadavroj

Jen trio, jen ankoraŭ unu. Proksime oni vidas polican postenon. Apude staras hundaro. Ĵus la policanoj deiras, la hundoj alkuras kaj avide lekas la vizaĝojn de la kadavroj.

Speciala pest-tombejo ne ekzistas. Ĉerkoj estas farataj el maldikaj tabuloj. Tero apenaŭ kovras ilin, vespere almozuloj disfosas la teron, eltombigas la ĉerkojn, senvestigas la mortintojn kaj surmetas iliajn vestojn. La ĉerktabuloj ankaŭ estas ŝtelataj por hejtado kaj vendado.

Ni atingas la tombejon.

— Prefere, ni revenu hejmen, — diras mia kunulo — kuracisto. Estas tro facile infektiĝi.

La tombistoj malrapide, maldiligente fosas la rigidan teron sen ia singardemo. Kelkaj ripozas, sidante sur la ĉerkoj.

Dek mortintoj atendas la vicon.

La hundoj plende bojas.

En la aero, ŝajne, flugas la Pesto.

Ni rapide forveturas.

trad. : B. Kotzin (Moskvo).

## Pri la alkoholismo en Rusujo

Baldaŭ la Regna Dumo intencas debati la problemon pri la rimedoj por batalado kontraŭ la alkoholismo. La problemo efektive estas tre grava...

En nia rusa vivo la alkoholismo profunde enradikiĝis kaj intime ligiĝis kun la ekonomia kaj socia strukturo. Oni, ekz., plendas pri la vasta disvolvado de sekretaj drinkejoj. En Ruslando estas brandmonopolo. Jes, la sekreta brandvendado estas tre konata, sed, — ni demandu —, kie sin trovas la radikoj ?

La dirita fenomeno estis prave analizata dum la Tutruslanda kongreso kontraŭalkohola en Peterburgo, en la pasinta jaro. Ekz., ia mizera virino, senfamilia, ne havas bovinon, nek ŝafon ; la mastrajo estas tute ruinigita, konsistanta nur el du kuleroj kaj unu poto. Kion povas entrepreni simila virino, se ŝi posedas almenaŭ guton da energio ? Nature, ŝi aranĝas sekretan drinkejon : afero facila, profita.

Tamen, la meznombra, pokapa konsumo de alkoholajo malkreskas. La entuta konsumo de la Imperio en la jaro 1904 estis 0,54 siteloj, en la jaro 1905 — 0,56, 1906 — 0,63, 1907 — 0,63, 1908 — 0,61, 1909 — 0,57.

Ekzistas grandega diferenco inter la konsumo de urbo kaj tiu de vilaĝo. Samjare la konsumo en urboj estis : 1,43 ; 1,5 ; 1,68 ; 1,62 ; 1,56 ; dume en vilaĝoj samjare estis : 0,41 ; 0,43 ; 0,48 ; 0,48 ; 0,45 ; kiamaniere tio estas klarigebla, ni ankoraŭ ne konas. Ni notu grandegan malkreskon de brandkonsumo ankaŭ en Anglolando. En 1901 oni « pokape » konsumis 1,1 galjon, en la jaro 1904 — 0,99, en 1905 — 0,93, en 1909 — 0,87, kaj en 1910 — 0,58.

Meznombre ni elspezas por la alkoholaĵo 4,81 Sm., sed en la urboj tiu elspezo atingas 12,67 Sm. kaj en la vilaĝoj 3,66 Sm.

Krom la brando estas konsumata ankaŭ la... glazuro. Tion atestas multe da faktoj. En la dokumentaro de la Tutruslanda kongreso ni trovas noton pri la dirita fenomeno. Tie ni legas : krom la brando, oni praktikas sekretan kaj malsekretan vendon de glazuro *kiel drinkajo*. Speciale, la glazuro estas vendata al lignajistoj, sed plimulte ĝi estas aĉetata por drinkado. Tial aperis eĉ du specoj : unu por drinko, kaj la alia por la metio.

Raportinto de la kontraŭalkohola kongreso en Peterburgo jene pentris nian alkoholismon : oni drinkas okaze de revido kaj okaze de adiaŭo ; oni drinkas kontraŭ malsato kaj kontraŭ sato, por la apetito ; oni drinkas dum la frosto por varmiĝi, kaj dum la varmego por malvarmiĝi ; oni drinkas kontraŭ dormemo kaj kontraŭ sendormeco ; oni drinkas pro funebro kaj pro ĝojo ; oni drinkas dum la baptofesto kaj la enterigo, oni drinkas, drinkadas... kial ne drinki por forgesi la mizeron...

Efektive, teruran bildon pentras la ĵus aperinta raportaro de la nomita kongreso. Ekz. el la gubernio de Orelo oni komunikas : « Drinkas patroj, patrinoj kaj infanoj, eĉ maminfanoj, en kies buŝon oni perforte enverŝas la brandon aŭ oni eĉ verŝas sur la verton por ke la infano kutimu kaj estu hardita koncerne le drinkon ».

En la sama raportaro estas citata la opinio de kolonelo, princo Bagration (el « kuriero de kavalerio ») « Post ĉiu jaro la rusa armeo fariĝas pli malsanema kaj fizike malkapabla... » Inter 360 enkete esploritaj rekrutoj 40 0/0 (144 personoj) preskaŭ unuafoje gustumis la viandon en la kazerno.

La alkoholismo tre malbone influas en multaj landoj.

En Svislando estis farata tre interesa eksperimento : pri la influo de malgrandaj alkoholdozoj sur la paflertecon. La programo de la eksperimento estis elektata kun partopreno de medicinistoj kaj militistoj. La pafonto ricevis dozon da alkoholo en la formo de biero, konjako kaj punĉo (de 27 ĝis 44 gr.). La alkoholaĵo estis donata 20 — 30 minutojn antaŭ la pafado, aŭ eĉ vespere, antaŭtage de la pafekzercado. La dozoj rezultigis malpliiĝon de la trafemeco.

Sed ni revenu Ruslandon. Niaj moroj estas kuriozaj. Ekz. kaŭze de ĥolero en unu Riga fabriko estis afiŝoj, sur kiuj oni presis konsilaron kontraŭ la epidemio. Unu el le paragrafoj avertas : « ne iru el la fabriko en malpura vesto rekte en drinkejon. Komence vin lavu hejme, surmetu puran veston, kaj nur tiam iru en drinkejon ».

Jes, le vilaĝoj suferas de la alkoholismo. Ili delonge atendas krelaboron en tiu-ĉi regiono...

Trad. (1) B. Kotzin (Moskvo).

NOTOJ

*Interesa leĝpropono*, estis ĵus farita de franca senatano Julien Goujon al la iniciata Komisiono, kiu ĝin akceptis, pri la laborkondiĉoj de la komercaj oficistoj. Estos malpermesate ke la virinoj kaj junuloj malpli ol 18a jaraj kiuj staras ekster la butikoj por la vendado, restu tie pli ol 6 horoj ĉiutage, kaj pli ol 2 horojn sinsekve.

E. Souchay, Laborkonsulo, Parizo.

* * *

*Ekspozicio de l'itala portretaro*, okazos en Firenze urbo plej riĉa je pentristaj ĉefverkaj, de marto ĝis julio 1911.

C. Monti, Del Viggiu.

*Ekspozicio de florkultoro*, okazos en la sama urbo en majo 1911. — (C. M.).

*Kongreso de la franca Societo por Antaŭenigo de l'Sciencoj* okazos en Dijon, Francujo, de la 31 julio ĝis la 6a de Aŭgusto. Ĉe la fino de la Kongreso, estos aranĝata granda ekskurso al St-Claude, Bellegarde, Bourg (preĝejo de Brou).

Th. Rousseau, Del. Dijon.

*Junio, 1-20. — Internacia Pafkonkurso en Grenoble* (Francujo). — Akcepto por fremdaj samideanoj estos organizita de la loka grupo. Pri la kondiĉoj por fervoj-rabatbiletoj al la pitoreska regiono « Dauphiné » sin turni tuj al la Delegito.

A. Ploussu, Del. Grenoble.

*Kiu deziras ricevi senpage la Oficialan Jarlibron de U. E. A. (130 paĝoj), tiu rapidu pagi sian kotizaĵon por 1911.*

(1) De Prof. S. Ozezov, membro de la Regna Konsilantaro, el « Russkoje Slovo ».

FELIETONO

# La Suferoj de juna Werther

de W. v. GŒTHE

Trad. P. USINGER

Estas strange, kiam mi venis tien ĉi kaj rigardis de la ĉielo en la belan intermonton, kiel mi estis allogata. Jen la arbareto! Ho, vi povu migri en ĝia ombro! Jen la pinto de la monto! Ho, vi povu de tie superrigardi la vastan regionon! Ho, mi povus perdiĝi en ĝi! Mi rapidis tien kaj iris returnen, ne trovinte, kion mi esperis. Ho, la malproksimeco kaj la estonteco: jen la sama afero. Granda, malklara komplekso kuŝas antaŭ nia animo, nia sentado konfuziĝas en ĝi kiel nia okulo, kaj ni sopiras, ho, doni nian tutan estajon, plenigi nin per ĉia ĝojego de unu granda, belega sento — kaj, ho, kiam ni alrapidas, kiam la « tie » nun fariĝas « tie ĉi », ĉio estas la sama kia antaŭe, kaj ni troviĝas en nia mizereco, en nia nelibereco, kaj nia animo avidas forflugintan refreŝigon.

Tiel la plej migrema vaganto fine resopiras sian patrujon kaj trovas en sia kabano, ĉe la brusto de sià edzino, en la rondo de siaj infanoj, en la zorgoj pri ilia porvivo la ĝuegon, kiuŋ li serĉis vane en la vasta mondo.

Kiam matene je sunleviĝo mi iras al mia *Wahlheim* kaj mem kolektas al mi pizojn en la gasteja ĝardeno, eksidas, senfadenigas ilin kaj dume legas en mia Homero; kiam poste en la malgranda kuirejo elektas poton, prenas iom da butero, metas ŝeletojn sur la fajron, kovras kaj sidiĝas apude por kelkafoje skui ilin, tiam mi sentas viglege, kiamaniere la arogantaj svatiĝantoj de Penelopo (1) buĉis bovojn kaj porkojn, distranĉis kaj rostis. Estas nenio, kio tiel min plenigas per trankvila, vera sentado kiel la trajtoj de patriarka vivo, kiujn, dank' al Dio, mi povas enteksi en mian vivmanieron sen afektoj.

Kiel ĝoja mi estas, ke mia koro povas senti la simplan, senzorgan ĝojegon de la homo, kiu manĝas brasikkapon, kiun li mem kulturis, kaj ĝuas ne sole la brasikon, sed ankaŭ ĉiujn bonajn tagojn, la belan matenon, kiam li plantis ĝin, la ĉarmajn vesperojn, kiam li superverŝis ĝin kaj ĝojis pro la progresanta kreskado, ĉiujn en unu momento.

La 29-an de junio.

Antaŭ hieraŭ la ĉi tiea kuracisto venis el la urbo al la prefekto kaj trovis min sidantan sur la tero inter la infanoj de Ĥanjo. Kelkaj surrampis, aliaj incitetis min, kaj mi tikladis ilin kaj kaŭzis grandan kriadon kun ili. La kuracisto, kiu estas pedantego, parolante faldas siajn manumojn kaj senĉese elŝiretas krispon (2), trovis ĝin ne konvena; tion mi ekvidis je lia nazo. Sed mi ne lasis min malhelpi, lasis lin pritrakti tre gravajn aferojn kaj konstruis denove al la infanoj iliajn kartajn dometojn, kiujn ili disĵetis. Plue li poste plendis en la urbo, ke la infanoj de la prefekto jam estus sufiĉe senedukaj kaj ke *Werther* nun malbonigus ilin komplete.

Jes, kara Vilhelmo, la infanoj estas al mia koro plej proksimaj en la mondo. Kiam mi rigardas ilin kaj vidas en la malgrandulo la ĝermojn de ĉiuj virtoj kaj fortoj, kiujn ili iam tiel bezonos, kiam mi ekkonas en obstineco estontan persistemon kaj neŝanĝecon de la karaktero, en la petoleco bonan humoron kaj facilecon gliti super la danĝeroj de la mondo, ĉion tiel pura, tiel kompleta — ĉiam, ĉiam mi ripetas tiam la orajn parolojn de la instruinto de la homoj: Se vi ne fariĝos tiaj, kia unu el tiuj ĉi! kaj nun, plej bona amiko, ilin, kiuj estas niaspecaj, kiujn ni devus rigardi kiel idealojn, ni traktas kiel regatojn. Oni asertas, ke ili ne havas volon! Ĉu do ni ne havas ĝin? Kaj kie troviĝas la privilegio? Ĉu tial ke ni estas pli maljunaj kaj pli saĝaj? Bona Dio, de via ĉielo vi vidas maljunajn infanojn kaj junajn infanojn kaj nenion pli; kaj pro kiuj vi havas pli multe da ĝojo, tion via filo jam de longe anoncis. Sed kredante ili ne aŭdas ilin, — ankaŭ malnovaĵo — kaj edukas siajn infanojn laŭ si, kaj adiaŭ Vilhelmo, pri tio mi ne plu volas babili.

La 1-an de julio.

Kio Ĥanjo devas esti al iu malsanulo, tion mi sentas je mia propra, malfeliĉa koro, kiu estas pli malbonstata ol multaj konsumiĝantaj sur la morlito. Ŝi pasigos kelkajn tagojn en la urbo ĉe ia honesta virino, kiu laŭ la diroj de la kuracistoj estas mortonta kaj en tiuj ĉi lastaj momentoj deziras, ke Ĥanjo ĉeestu. Lastan semajnon mi akompanis ŝin por viziti la pastron de St., vilaĝeto, kiu kuŝas unu horon flanken en la montaro. Ĉirkaŭ la kvara mi alvenis. Ĥanjo kunprenis sian duan fratinon. Kiam mi eniris la korton per du altaj nuksujoj ombratan, la bona maljunulo sidis sur benko antaŭ la dompordo, kaj vidante Ĥanjon li fariĝis kiel denove vivigita, forgesis sian tuberan bastonon kaj riskis iri renkonte al ŝi. Ŝi alkuris al li, devigis lin sidiĝi, eksidante apud li, salutis lin multfoje de sia patro, karesis lian abomenan, malpuran, plej maljunan filon, la amatulon de lia maljuneco. Vi devus vidi ŝin amuzantan la maljunulon, parolantan pli laŭte por fariĝi komprenebla al liaj duonsurdaj oreloj, rakontantan al li pri la sanaj, fortaj homoj, kiuj subite mortis, pri la bonkvaliteco de *Karlsbad*, laŭdantan lian decidon iri tien la venontan someron, trovantan, ke li havas pli bonan mienon, estas pli vigla ol la lastan fojon, kiam ŝi vidis lin.

Dume mi riverencis la pastredzinon. La maljunulo tute vigliĝis, kaj ĉar mi nepre devis laŭdi la belajn juglandarbojn, kiuj tiel ĉarme superombris nin, li ekrakontis, kvankam kun kelka penado, ilian historion. « Rilate la maljunan », li diris, « mi ne scias, kiu plantis ĝin; kelkaj diras: tiu-ĉi, aliaj: tiu pastro. Sed la pli maljuna tie malantaŭe havas la saman aĝon, kiom mia edzino, en oktobro kvindek jarojn. Ŝia patro plantis ĝin matene, kiam ŝi naskiĝis vespere. Li estis mia antaŭulo en la ofico, kaj oni ne povas diri, kiel karega la arbo estis al li; al mi certe ĝi ne estas malpli kara. Mia edzino sidis sub ĝi kaj trikis, kiam antaŭ dudek sep jaroj mi venis la unuan fojon en tiun-ĉi korton kiel malriĉa studento. » — Ĥanjo demandis pri lia filino; estis dirate, ke ŝi iris kun S-ro Ŝmidt sur la herbejon al la laboristoj, kaj la maljunulo daŭrigis sian rakonton, kiel lia antaŭulo ekamis lin kaj same la filino kaj kiel unue li fariĝis lia vikario kaj poste lia posteulo. La rakonto tute ne finiĝis, kiam la filino kun la tiel dirita S-ro Ŝmidt venis tra la ĝardeno; ŝi salutis kore Ĥanjon, kaj mi devas konfesi, ke ŝi plaĉis sufiĉe bone al mi, vigla, belkreska brunulino, kiu bone amuzus min la mallongan tempon sur la kamparo. Ŝia amanto (ĉar S-ro Ŝmidt tuj karakterizis sin kiel tia) nobla, tamen silentema homo, kiu ne volis enmiksi sin en niajn paroladojn, kvankam Ĥanjo ĉiam igis lin partopreni. Kio plej multe malĝojigis min, estis ke mi kredis rimarki je liaj trajtoj, ke pli obstineco kaj malbona humoro ol malsagaceco, malhelpis lin paroli. Poste tio bedaŭrinde fariĝis tro evidenta; ĉar kiam promenante Frederikino iris kun Ĥanjo kaj okaze ankaŭ kun mi, la trajtoj

(1) Edzino de Odysseus en la Odiseo de Homero. Rim. de la trad.

(1) Brustkrispo, kiun oni portis anstataŭ brusttolaĵo. Rim. de la tradukinto.

de la sinjoro, kiuj sen tio estis brunkoloraj, videble malpliheliĝis, ke estis tempo, ke Ĥanjo tiretis min je la maniko kaj komprenigis min, ke mi estas tro ĝentila al Frederikino. Nu nenio ĉagrenas min pli multe ol ke la homoj turmentas unuj la aliajn, plej multe ke junaj homoj en la floraĝo, kiuj povus esti plej akceptemaj al ĉiuj ĝojoj, malbonigas unu al alia la malmultajn tagojn per malbona humoro kaj nur tro malfrue komprenas la neripareblecon de sia malŝparo. Min afliktis tio kaj, kiam vespere ni revenis en la pastrejon kaj ĉe la tablo manĝis lakton kaj la parolado turniĝis al ĝojo kaj malĝojo de la homaro, mi avide ekparolis kontraŭ la malbona humoro. « Ni homoj plendas ofte », mi komencis « ke la bonaj tagoj estas tiel malmultaj kaj la malbonaj tiel multaj, kaj, kiel ŝajnas al mi plej ofte malprave. Se ĉiam ni havas sinceran koron por ĝui la bonon, kiun Dio preparas al ni por ĉiu tago, ni ankaŭ havas sufiĉe da forto por porti la malbonon, kiam ĝi venas ». — « Sed ni ne potencas nian temperamenton », rediris la pastredzino « kiom dependas de nia korpo ! Ne bonfartante, oni nenie estas kontenta ».
— Mi konfesis ĝin al ŝi. « Ni do volas », mi daŭrigis « konsideri ĝin kiel malsanon kaj demandi, ĉu por tio ekzistas rimedon ».

*(Daŭrigota)*

---

# TRA

LA

# ESPERANTA LITERATURO

**La Batalo de l'vivo** (The Battle of Life), originala verko de Ch. Dickens, tradukis el Germana traduko Dro L. L. Zamenhof. — Librejo Hachette. Prezo : Sm. 0,50.

Jen gravega verko, kiun ĉiuj Esperantistoj devos legi, unue, ĉar la tradukinto estas nia majstro ; due, ĉar tiu traduko estas represo el la Unua Esperanta Monata gazeto « la Esperantisto » kiu estis eldonata en Nurnbergo *en la jaro 1891*.

En la komenco de la libro estas faksimilo de letero aŭ antaŭparolo de Dro Zamenhof, li klarigas la cirkonstancon, kiu igis lin *traduki tradukon*. « En la unuaj jaroj de la ekzistado de Esperanto, unu sinjoro montris al mi germanan libron (tradukon de verko de Dickens) kaj diris : ĉi tion oni certe ne povas traduki en Esperanton. Por konvinki tiun sinjoron, ke li eraras, mi prenis la libron kaj tradukis ĝin ».

La eldonistoj (Ad. Ŝefer kaj E. A. Lawrence) diras tute prave : « Koncerne la lingvon, ĉi tiu verko pruvas sen la dubo ke la lingva fundamento en la jaro 1891 estis sama kiel la fundamento de l'nuna jaro 1910 ; la verko skribita antaŭ 20 jaroj faras impreson, kvazaŭ ĝi estus skribita nun ; kaj tio estas la plej bona pruvo, ke nia lingvo estas tute konstanta kaj fortika, ke ĝi ne timas kaj neniam timos la influon de la tempo aŭ de iaj neantaŭviditaj cirkonstancoj. »

Mi nur citos, por montri la pravecon de tiu rimarko, la sekvantajn liniojn, en kiuj la aŭtoro poezie priskribas malnovan batalkampon. « La signoj restis ankoraŭ longan tempon, sed nur en bagateloj, ĉar la naturo, staranta tre alte super la malbonaj pasioj de la homo, baldaŭ ree ricevis sian gajecon kaj ridetadis super la kulpa kampo de l'batalo tiel same, kiel antaŭe, kiam la kampo estis ankoraŭ senkulpa. La alaŭdoj kantadis alte super ĝi ; la ombroj de la flugantaj nuboj kuradis ludante super la herbejoj kaj arbaroj, super la tegmentoj kaj turoj de la urbo borderita de arboj, rapidante al la brilanta malproksimaĵo, kie la tero kaj ĉielo kuniĝas kaj la vespera ĉielruĝo estingiĝas... (p. 6)

* * *

**Sub la meznokta suno.** — Nordlandaj rakontoj tradukis Lehman Wendell. — Amerika esperantista kompanio, Chicago, Sm. 0,70.

Tiu libreto enhavas « tradukaĵojn kaj originalaĵojn » el la Sveda Lingvo. La verkinto, tradukinto kaj... ilustrinto estas juna Usonano el Sveda deveno. Tiujn rakontojn pri nordaj legendoj, malicaj koboldoj, malspritaj gigantoj, k. t. p. li precipe lernis dum sia infaneco ĉe la patrinaj genuoj. Eble kelkaj estas ne sufiĉe interesaj kaj oni povus ilin forigi. Sed entute la verko meritas, ke oni ĝin legu, ĉu pro la ĉarmo de la rakontoj ĉu pro la korekteco, simpleco kaj klareco de la stilo. Mi plej ŝatis la sekvantajn fabelojn aŭ rakontojn : La raporto de la jarcentoj (16) — la Biendomo de Kristeholmo (46). — La Lumo ĉe la Monteto (55). — Aventuro en la Preĝej-vestiblo (87). — Petro la Tornisto (98). — La Arbarnimfo (107).

Ĝi estus tute konvena rekompenco aŭ premio por la geknaboj, kiuj lernas Esperanton.

* * *

Lionel Dalsace. — **Fatala ŝuldo.** — El franca lingvo tradukis Eugénie Ferter-Dense. — Paris, Presa esperantista societo. Prezo : Sm. 1.40.

Krom 2-3 senutilaj oz kaj *um*, tiu traduko estas ne nur tre korekta, sed ankaŭ skribita en tre klara, neafekta, facila stilo, kaj mi sincere gratulas la tradukintinon. La verko estas spiritisma romano, kies fundamento estas la teorio de « metempsikozo » aŭ transmigrado de la animoj. « La eksperimentoj amasigitaj en la sennombraj vivoj alkondukas al saĝeco ; la konscienco perfektiĝas kaj plinobliĝas. La sufero estas la granda instruanto por la animo ; ĝi ebligas, ke ni komprenu la aliajn animojn, la simpation, la kompaton... Ĉio devas esti pagita : la malbono pagiĝas per la sufero ; la bono farita, per la feliĉo (pp. 32, 33). »

Mi ne volas malkovri al vi la temon de tiu *tre interesplena* romano. Mi nur diros, ke ĝi estas bela, altanima verko. Eĉ se oni ne akceptas tiajn hipotezojn, oni devas konfesi, ke ili estas noblaj kaj altpensigaj ; kaj oni povas prave apliki al la tuta verko la jenan aforismon de La Bruyère : « kiam legitaĵo altigas vian spiriton kaj inspiras al vi noblajn kuraĝajn sentojn, ne serĉu alian regulon por taksi la verkon ; ĝi estas bona kaj majstre verkita. »

* * *

**Teoria ekzameno de la lingvo Esperanto** kun fonetika internacia alfabeto sistemo Antido nº 2. Gramatiko, ekzercaro-krestomatio. Genève, Kündig. — Prezo : 1 Sm.

Sinjoro Antido sendis al mi tian lastan verkon. Pro ĝentileco, mi lin dankas. Sed kiel esperantisto, kiu pli kaj pli opinias, ke Esperanto estas sana kaj fortika kaj malbezonas kuracistojn kaj kuracilojn, ĉu mi devas, ĉu mi povas sincere lin danki pro tia sendaĵo? Kiam la teorioj de S-ro Antido ŝajnis al mi laŭdindaj, mi laŭdis ilin kaj S-ro Antido bonvolis min danki pro mia senpartieco. Tute same sincere mi diros al li, ke tiu nova verko, tiu dua kripligo de nia Esperanto estas malbona ago, kiun oni povas juste kaj ĝuste kompari al tiuj teruraj, kruelaj operacioj per kiuj oni trapikas, distranĉas, dissekcas malfeliĉajn vivantajn sanajn hundojn, plej ofte senutile, nur « por eksperimento ». Tio estas nur ŝajna, falsa, mensoga kaj fine malutila sciencaĉo.

En la tuta verko estas nur kelkaj saĝaj, prudentaj linioj : « Esperanto apartenas al la esperantista popolo, kies ano mi estas, sed unu ano... Mi diros nur, ke mi ne konsideras tiun reform-projekton mian kiel superan je Zamenhofa Esperanto... » (p. 17).

Ho ! Kara Akademiano ! oni diras ke la Lingva Komitato faras nenion. Ĝi estas eraro ! Ĝi tro laboras. Vi tro laboras. Vi kaj viaj similuloj faru nenion, nur ripozu. Nia afero fartos multe pli bone kaj iros ankoraŭ pli rapide.

VERTO.

# ○ ESPERANTISMO ○

## KRONIKO

*(El niaj specialaj distriktaj korespondantoj)*

Grava Avizo. — *Ni rememorigas al niaj korespondantoj ke ĉiujn informojn por la rubriko Esperantismo, ili bonvolu sendi antaŭ la* **12**a *kaj* **28**a *de ĉiu monato al la "Presejo de Esperanto", 15, rue Amiral-Roussin, Dijon, Franc. por la sekvonta numero. Ili bonvolu ĉiam zorge montri la daton de ĉiu fakto kaj la devenon de ĉiu informo. Neniam ni raportos pri malnova okazintajo.*

*Oni bonvolu neniam sendi al la presejo korespondajojn pri aliaj temoj, nek monon (Red.).*

**Novaj grupoj**. — En *Groenloo*, Nederlando, fondiĝis Esp. klubo kiu jam havas 27 membrojn. — M. M.

En *Milano* fondiĝis la 29 jan. *Milana Esp. Rondo*. — C. M.

En *Pavia* S-ro C. Monti fariĝas konsulo por la Italaj Universitatoj. — C. M.

En *Samos*, laŭ iniciato de Ŝia Princina Moŝto Eleni Em. Kopassi, Princino de Samos, fondiĝis la 1-a jan. *Esp. Virina Grupo* en la salonego de la Prinса Palaco. — A. S.

En *Masamagrell*, *Lucca* kaj *Liria* apud Valencia, Hispanujo. — L. P.

**Novaj kursoj**. — En *Firenze*, en la Tiflologia Instituto (prof. Signorini, prez. de F. E. I.), en *Siena* en la Blindulaborejo (prof. Bernardeschi) kaj en *Milano* en la Blindulejo (prof. A. Caprini kaj G. Gando). — C. M.

En *Berlin* nova kurso komenciĝis la 10 jan. Supera kurso por la membroj de la Esp. Gruparo Berlina. — La 27 jan. nova kurso estis aranĝata. — O. F.

En *Monaco* prof. S-ino de Ferrer, Del. U. E. A.; en *Nice* kurso speciale definita por ruĝkrucanoj, prof. leŭt. Martin Del. U. E. A. — J. M.

En *Firminy* 2 kursoj okazas ĉiusemajne ĉe la Industria Lernejo. — E. G.

En *Viŝnij-Voloĉok*, Rusujo, du grupoj, 60 lernantoj. — F.

En *Triest*. 2 kursoj, entute 58 ĉeestantoj. — A. V. P.

**Kunvenoj kaj festoj**. — En *Hannover*, la 1 febr. okazis la jara kunveno de l'grupo. Oni decidis ke ĉiu ordinara membro es'os ankaŭ ano de U. E. A. Tial la kotizajo estas plialtigita de 3 ĝis 4 Sm. Nun estas 59 esperantianoj. — K. T.

En *Charlottenburg*, la grupo ankaŭ decidis fariĝi Esperantia Asocio. Ĝi inaŭguris la 6 jan. novan kunvenejon : restoracio « Goethe-Eck », Goethestr., 64; ĉeestis 40 personoj. — O. F.

La 14 jan. en *Berlin*, bonsukcesa esp. festo kun lumbilda parolado pri Antverpeno ; ĉeestis 150 personoj. — O. F.

La 29 jan. la Blinduloj Esp. de *Œolnwe* apud Bruxelles, invitis siajn samideanojn por tre bela festo kiu plej bone sukcesis.

En *St-Etienne* okazis la 21 jan. la ĉiujara festo de l'grupo. Amika festeneto, koncerto kaj balo ĝis la 2-a matene. — E. G.

La 22 *jan.* — Sukcesplena teatra prezentado de *La Patrino* en *Sankta Colonno de Fornès*, Hispanujo, aranĝita de la tiea grupo. — A. Ll.

La 5 jan. en *Triest*, sukcesplena danc-kaj deklamfesto aranĝita de la *Rondo Esperanta*. — V. P.

**Paroladoj**. — La 7 jan. en *Nowawes* okazis parolado de S-ro patentadvokato Schiff el Berlin, en instruista unuiĝo ; 10 membroj enskribis sin por kurso. — O. F.

En *Beauvais* leŭtenanto Duminil faris paroladon antaŭ la leŭt-kolonelo Gazan, multaj kapitanoj kaj leŭtenantoj kaj 125 soldatoj.

## OKAZONTAĴOJ

26 *Febr.* — En *Saint-Chamond* (Fr.) okazos granda esp. festo.

5 *Marto*. — En *Triest*, kunveno de la Dist. Del. — V. P.

12 *Marto*. — Ĝenerala kunveno de la German-Aŭstria Ligo en Wien.

1 *apr.* — 20 *junio 1911*, en *Berlin* ekspozicio esp. estos aranĝata en la *Internacia Ekspozicio por vojaĝa kaj fremdula interkuniĝo*. — O. F.

16 *Aprilo*. — II-a Tutaŭstria Esperanto-Tago en *Praha*.

4-7 *Junio*. — VI-a Germana Esperanto-Kongreso en *Lübeck*. Kotizajo 2 Sm.

14-18 *Aŭgusto*. — II-a Kongreso Internacia de la Katolikaj Esperantistoj en *Hago*. Kotizajo 2 Sm.

## DIVERSAĴOJ

.˙. *Lingva Komitato*. Laŭ la Oficiala Gazeto, ĝi nun havas 151 membrojn, el kiuj 28 por angla lingvo, 4 por bohema, 2 por finna, 3 por flandra, 46 por franca (!), 16 por germana, 11 por hispana, 3 por holanda, 4 por hungara, 5 por itala, 1 por japana, 3 por kataluna, 7 por pola, 5 por portugala, 1 por rumana, 9 por rusa, 3 por sveda. Eksiĝis S-roj Ahlberg, Baker, Grna, Prochaska, Schonka, D-ro Schramm. Pro nerespondo al leteroj estas konsiderataj kiel eksiĝintoj S-roj Asnes, Allum, Emeric, Hohib, Hradil, Gallois, Gernet, Sandstron, Seynaeve. Fine la Akademio konsideris kiel eksiĝintaj pro kontraŭesperanta agado S-rojn Avilov, Jamin kaj Schneeberger. Triono de la Akademio estos rebalotata antaŭ la 1a Aŭgusto 1911.

.˙. *Adjuvilo*. Prof. Esperema aŭtoro de tiu lingvoprojekto, anoncas, ke li neniam havis la intencon propagandi lingvon konkurantan Esperanton, sed nur montri la eraron de la Idistoj kaj pruvi, ke eĉ se oni akceptus ilian fundamentan principon, Ido tute ne estas la plej « scienca », nek la plej simpla solvo de lingvo internacia. « Mi tutkore ekkrias : Vivu kaj venku nia Zamenhofa Esperanto ». Ni esperas ke tiuj ekzercoj havos baldaŭan finon.

.˙. *Parlamenta Esperantista Grupo*. — La 3-an de februaro, S-ro Justin Godart, franca deputato, fondis, ĉe la ĉambro de la Deputatoj, esperantistan grupon. Pli ol 40 el siaj kolegoj jam aliĝis ; oni esperas ke baldaŭ la franca Parlemento ekzamenos la prejekton Cornet-Godart, pri la enkonduko de Esperanto en la lernejoj. — M. G.

.˙. La dimanĉon 5 febr. okazis en *Dijon* la solena enterigo de Prof. Méray. Inter aliaj vidiĝis bela funebra krono kun la surskribo : La grupo Esp. al sia unua prezidanto. S-ro Rektoro Boirac per elokventa parolado antaŭ la profesoroj de la tuta Universitato longe parolis pri la esperantista agado de la bedaŭrata mortinto. — T. R.

.˙. *Esperanto kaj lingvisto Mayor*. Ni jam anoncis la morton de tiu fervora partiano de Esperanto. Jen, laŭ abato Richardson, lia opinio skribita pri nia lingvo :

« ...Ne permesu, ke iu iam tuŝu al via bela lingvo, tio estus la komenco de ĝia morto. Oni povas ŝanĝi projekton, sed a priori, ne lingvon. Nu Esperanto estas lingvo, ne projekto... Mi precipe ŝatas la multenombran finiĝon j. La vokaloj **aj, oj, uj**, kiuj rememoras la belsonan grekan lingvon, estas ne esprimeble agrablaj al mi. Sed, la regulo pri la nevariebla ĉefa akcento devas esti severe obeata ! Mi aŭdis kelkajn francojn, kiuj malĝuste metis la akcenton ; ilia elpa-

rolado estis terura kaj suferigis min. Konservu zorge la vere latinan kaj germanan sonon de la titero **j**. Ni, angloj, tute difektas ĝin. D-ro Zamenhof tute prave distingas inter **ĝ** kaj **j**, la sonoj estas tute malsamaj ; ambaŭ estas internaciaj... Neniam preterlasu la akuzativon ; observu fidele ĝiajn nevarieblajn regulojn. La peno estas malgranda, la profito nekalkulebla... Mirinda estas la eltrovo de la « vortoj simplaj ». Mi ne povas ĝin sufiĉe admiri ! Certe via Majstro estas granda geniulo. »

Oni bonvolu kompari tiujn opiniojn de *lingvisto* kun la facilaj asertoj de la matematikistoj kaj ĥemiistoj, kiuj zorgas pri refabrikado de Esperanto.

.˙. *Eĥoj de la Sesa.* La enspezoj de la Sesa Kongreso atingis 2.753.58 dolaroj, la elspezoj 3.896.92 dolaroj. La deficito do estas 173.34 dolaroj, t. e. ĉirkaŭ 350 Sm., repagita de la garantiintoj.

.˙. La jurnalo *Paris-Esperanto*, organo de la grupo esperantista de Paris kaj de la Federacio de la pariza regiono, aperas nun kun granda formato. — G. C.

.˙. Nova Societo, *la Internacia Ligo de Poŝtoficistoj*, fondiĝis la 22 jan. en Dresdeno, kaj nova gazeto, *Poŝta Esperantisto*, aperas de jan. — P. S.

.˙. Ankoraŭ nova gazeto, *La Kolektanta Esperantisto* aperas de jan. en München kiel organo de la intern. koresponda klubo *Universo*. — G. S.

.˙. Same fondiĝis en *Bruxelles* Internacia koresponda Interŝanĝo, kies organo enpresas artikolojn en Esperanto. — F. I.

.˙. En *Berlin* de la 4-7 jan. oni komencis provon propagandi Esperanton per afiŝoj sur la publikaj kolonoj. — O. F.

.˙. La G. E. A. starigis specialan laborfakon por ekspozicioj kaj kongresoj. — O. F.

.˙. Por la kapitalfondajo da 50.000 Sm. de la Germana Esperanto-Asocio ĝis fino de 1910 estis promesitaj entute Sm. 3.382,5. — O. F.

.˙. En *Dresdeno* la estro de la polico. S-ro Rœttig, vizitis la polican esp. grupon dum S-ro Schramm ekzamenis policanojn pri Esperanto. S-ro Rœttig sendos raporton pri tio al la Ministro de Internaj Aferoj de Saksujo.

.˙. La klubo de *Rotterdam'aj tramistoj* havas nun 80 membrojn. — R. V.

*Esperantista Murkalendaro.* S-ro J. L. Bruijn, la ĝisnuna eldoninto de tiu interesa entrepreno, plendas pro la tromalmulteco de la mendoj. Se la postmendoj ne sufiĉos, la eldono de la kalendaro estos forlasata. Ni varme rekomendas tiun eldonaĵon, kies malapero estus bedaŭrinda. (Prezo : 85 sd. Librejo Espero, Prinsestraat 48, Hago, Nederlando).

.˙. Jus aperis ĉe la librejo Kokai, Budapest, bonega libro da 100 paĝoj, la *Elementoj de geometrio absoluta* de nia Samideano Prof. Cyrillo Vœrœs (Prezo 2 Sm.). En tiu libro la talenta aŭtoro dedukas la formulojn de l'neŭklida geometrio laŭ tute klara kaj elementa maniero, komprenebla de ĉiuj personoj iom kleraj pri la elementoj de matematikoj. Verkinte tiun libron kaj la antaŭan, *Analitika geometrio absoluta*, la aŭtoro faris pli multe por nia afero ol cento aŭ milo da eminentoj scienculoj kiuj ĝin aprobas... teorie. Lia ekzemplo estu imitota. — T. R.

.˙. La germana librejo Seybold enpresigas specialan eldonon, en Esperanto, de la vivo kaj de la ĉefverkoj de la granda pentristo Dürer.

## TRA LA GAZETARO

.˙. Juŝ aperis la bulteno de la *Burgonja Federacio Esp.* ĝi enhavas tute rimarkindan raporton pri la vojaĝo farita per U. E. A. dum septembro de S-ro di Rienzi, dank al stipendio de 120 Sm., donacita de la Federacio. Unu N-o 10 Sd. ĉe la Sekretario de la Fed. S-ro Mathouillet, 6, rue du Rempart, Beaune (Côte-d'Or), Francujo. — T. R.

.˙. *L'Espérantiste Catholique.* Spirita respondo de C. Colus al sensenca artikolo de S-ro Guy de Cassagnac, konata parizo jurnalisto, artikolo kiu povas esti legata kiel tipo de malkleregeco kaj de kruda malspriteco.

.˙. *Gazeto Hispana.* Sub tiu nomo de nun aperos la ĝisnuna Andaluzia Gazeto ; ĝi fariĝas organo de la Hispana Societo p. p. de Esp.

.˙. *Esperanto-Folket.* Nova gazeto (ankoraŭ !) por propagando de Esp. en Svedujo, redaktata de S-ro Backman, Ĉu la ĝisnuna, « Sveda Esperantisto » ne sufiĉas ?

.˙. La 4 jan. aperis sespaĝa propaganda artikolo en la semajna revuo *Die Grenzboten* (la Limnsenditoj). — O. F.

.˙. Bonaj artikoloj pri Esperanto kaj U. E. A. de nia D. Del. V. Pohusta, en l'*Independente* kaj *La Illustrazione popolare Ariatica Trentina*. — V. P.

.˙. En *Ventimiglia*, Ligurio, baldaŭ aperos,, sur la aŭspicioj de l'Akademio « Genio Latino » nova revuo, *Universala Revista*, kiu celas precipe la diskonigon de lingvo internacia inter la komercistaro. Ĉar la revuo estas redaktata tute senprefere en esperanto, ido, romanal, universal, k. c., estas dezirinde ke la esperantistoj kunlaboru multnombre en tiu revuo, kiu tiel povos fariĝi plej grava subtenanto de Esperanto. Speciale komercistoj abonu. Adreso : Genio Latino, Via Asse 74-76 (2 $ enlande, 2 $, 200 eksterlande). — A. S.

---

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

### Regionaj kunvenoj.

Ĝis nun la *regionaj kunvenoj*, kiuj laŭ la statuto, devas esti organizataj en ĉiuj regionoj, kie estas pli ol 20 membroj okazis en la jenaj lokoj (krom la jam cititaj) : *Bordeaux, Bromberg, Colorado Springs, Dijon, Douai, Firenze, Genève, Kostroma, Kristiana, Liverpool, Lyon, Newcastle, Radebeul, Worms.*

En la jenaj lokoj, la Del. informis nin, ke pro diversaj kaŭzoj, la regiona kunveno okazos pli malfrue, je dato pli taŭga por la lokaj cirkonstancoj : Boston, Cordoba. Danzig, Davos, Glasgow, Grenoble, Hyères, Kœln, Kovno, London, Moskvo, Nancy, Osijek, Paris, Praha, Rotterdam, Sabadell, Schweidnitz, Varsovio.

La Del. de la jenaj regionoj ne respondis al ni, malgraŭ la sendita avertilo : Abbeville, Amiens, Amsterdam, Angers, Augsburg. Barcelona, Barnaul, Berlin, Bendzin, Beaune, Breslau, Bilbao, Bukarest, Caen, Chaux-de-Fonds, Dublin, Dresden, Edinburgh, Eskiltuna, Genova, Gerona, Gijon, Haarlem, Hull, Helsingborg, Invercagill, Kiew, Kopenhag, Limoges, Leipzig, Le Havre, Le Mans, Lvov, Louhans, Lausanne, Leeds, Manchester, Marseille, Melitopol, Nazli, New-York Odessa, Petropolis, Pleven, Reichenhall, Rio, Rostov, Rouen, Saratov, Saô Paolo, Smyrne, Sosnovice, Samos, Sydney, S.-Sebastian, Stuttgart, Ufa, Valencia, Vladikaukaz, Voronej.

Ni tre petas, ke la Del. de la supraj regionoj bonvolu nin informi kiam okazos la regiona kunveno.

El la supraj rezultatoj, kelkaj rimarkoj sin trudas :

La nombro de la regionoj, kie okazis la kunvenoj, estas multe tro malgranda. Tio montras, ke tro granda parto de la Del. ne komprenis ilian gravecon kaj ne sufiĉe sin okupas pri la loka divastigo de U. E. A. Varbi membrojn estas bone,

sed tio ne sufiĉas. Estas necese ankaŭ taŭge organizi la servojn de nia asocio, aranĝi fruktodonan propagandon en la loko mem.

Precipe tro granda estas la nombro de la Del., kiuj eĉ ne respondis nian cirkulero-leteron pri tiu temo. Ni rememorigas, ke ĉiuj niaj administraj komunikaĵoj *devas* esti respondataj akurate. El tio dependas la funkciado kaj seriozeco de nia Asocio. Se ne, ni devos uzi la sankciojn antaŭviditajn en nia statuto, kio evidente estus bedaŭrinda.

Kelkaj Del. respondis, ke kunveno ne povis okazi, ĉar mankas la temoj. Tiu senkulpigo estas neakceptebla. Laŭ la instrukcioj de nia Bulteno, la tagordo povis esti tia, ke kunvenoj, longaj aŭ mallongaj, okazu en ĉiuj regionoj. Oni rimarku, ke regionaj kunvenoj de U. E. A. okazas nur ĉiujare. Ili do devas havi pli da temoj pritraktotaj ol grupkunvenoj ĉiusemajnaj.

Cetere plej ofte la neokazo de kunveno koincidas kun la nerepago de kotizaĵoj. Estas memkompreneble, ke kunveno, bone anoncita, estas la plej facila maniero por kolekti la kotizaĵojn.

Ni esperas, ke niaj Del. bonvolos klopodi pri kiel eble plej baldaŭa okazigo de la kunvenoj. Fine, ni deziras danki ĉiujn Del., kiuj okazigis sian regionan kunvenon aŭ respondis al ni pri tio.

**Diversaj avizoj.**

∴ La *Oficiala Bulteno* (No 10) estas sendita en komenco de februaro. Ĝi traktas speciale pri la statistiko de la servoj dum 1911.

∴ Oni projektas nun la starigon de *Komerca Bulteno*, kiu estus redaktata de la Komerca komisiono de U. E. A., kaj senpage sendata al la komercaj konsuloj.

∴ La 1a Aldono al la *Oficiala Jarlibro* aperos baldaŭ.

La Direktoro.

**Novaj Del. Vicdel. aŭ Subdel.**

Brivi-la-Gaillarde (Franc., Corrèze). — Prof. A. Laurent, Ecole d'Industrie.

Caracas (Venezuela). — Alvarez Perez, Str. Norte uno 55-5.

Denver (Usono, Colorado), — Eckert (Subdel).

Draguignan (Franc., Var). — L. Requin, 3, Avenue Montferrat.

Erfurt (Germ., Thüringen). — Inĝ. Kandelaki, Schinkelstr 6 (Subdel.).

Gummersbach (Germ.). — Otto Schreiber, Wiesenstr. 7.

Grasse (Franc.). — Bouge, rue de la Paissonnerie (Subdel.).

Halifax (Canada). — John M. Geldert, County Court House.

Hebron (Usono, Nebraska). — A. G. Wilson.

Idaho Falls (Usono Idaho). — Bert. P. Mill. 256, Broadway.

Jurjevskij Zavod (Rusujo, Ekaterinoslaw gub). — Antonio Krastin.

Lisboa (Portugal). — José Carvalhido, L. da Abegvaria 29-1o (Vicdel.).

Lublin (Rusa Polujo). — D-ro Vladimir Tichomirov, ul Namiestnikowska, 36.

Malé Kunĉice (Austrio, Silezio). — Rud. Rybon (Subdel.).

Michalkovice (Austrio, Silezio). — Jan Růžička, 181 (Subdel.).

Montpelier (Usono, Vermont.). — L. Stanyan, 12, State Str.

Nikolaev (Rusujo, Kherson). — Boris Lebedevič-Draevskij, str. Nikofskaja, 57, Josef Berkovskij (Vicdel).

**Ŝanĝoj.**

Bonn : La Del. loĝas num, P. Rademacher, Markus Str. 24. — Cambridge : La Del. loĝas nun, G. Reynolds, 12. Sydney Str. — Hannover : La Vicdel. estas nun, Otto Reinecke. Heinrichstr 14. — Hyères : La Del. estas nun, Georges Nallet, 13, Cours Burlière. — Kostroma : La Del. estas nun, D-ro Cojetaev. — Norwich : La Del. estas nun, F-ino G. Clarke, Unthank Road.

Varieta Esp. Ligo : Ĝia sidejo estas nun : Reichenbach : en Vogland, Nordstr., 14, S-ro D-ro Otto Linse.

# Esperantiaj Asocioj

**Hyères** (*Sudfrancujo*). — Per U. E. A. ni ricevis. por ĉi tieaj komercistoj multajn servojn. Jam kelkaj trovis klientaron en Zürich, Bern, München, Moskvo, dank al l'afableco de la Del. de tiuj urboj. Kredante kun certeco ke tuja praktika rezulto pli bone efikas ol alia propagando, mi petas ĉiujn niajn samideanojn, ke ili bonvolu sendi al ni poŝtkarton ilustritan per kiu ili petos de mi informojn pri la flora komerco en Hyères. Kiam ni estos ilin ricevintaj, ni organizos ekspozicion per ili kaj disdonos broŝurojn pri U. E. A. — Al ĉiu 20-a sendinto de la petita poŝtkarto, ni kiel dankon sendos tuje kesteton enhavantan florojn de nia lando !... — D. G. Nallet, 13. cours Burlière, Hyères (Var), komerca konsulo de U. E. A.

## FAKAJ ORGANIZAĴOJ

**Ĉiostudenta Asocio.** (Ĉ. A.)

Jam du jarojn ekzistas tiu ĉi studenta asocio, kiu kreskas dum lasta tempo rapide, ke ĝi estas nun la unua plej granda organizaĵo studenta. Dum la jaro 1911 havis Ĉ. A. 60 reprezentantojn en la tuta mondo ; la aliĝiloj por reprezentado estas konstante akceptataj. Por propagando de ĝia internacia kolonio en banurbo Luhačovice Ĉ. A. eldonos en marto luksan gvidlibron tra banloko Luhačovice, kie povos membroj de Ĉ. A. dum la somera sezono *tute senpage* restadi, sin kuracigi, uzadi banadojn mineralajn kaj aliajn, sunbanojn, koncertojn k. a, amuzaĵojn, ĉio tute senpage. Anoj de Ĉ. A. havas rajton sempage anonci en oficiala organo *Gestudentaj Interesoj* kaj ricevas ĉiujn presaĵojn senpage. Ĉiu membro paginta kotizaĵon 1 Sm por jaro 1911 povas havi en reklama, propaganda gvidlibro tra Luhačovice unu paĝokonan anoncon en Esperanto aŭ en lia nacia lingvo — laŭ deziro. — Ĉar Ĉ. A. aranĝis en Krakow oficejon por tradukoj, oni senpage tradukos reklamon el iu ajn lingvo. La nombro de eldono fariĝos eble 5.-10.000 (kvin ĝis dek miloj) ekzempleroj, do la anoncado estos vere prospera. Esperantistaj entreprenoj, vendejoj, sendejoj, societoj, gazetoj k. a. estas petataj, ke ili postulu la tarifon de anoncoj ĉe. *Esperanto-Luhačovice*, (Moravio). Al respondo oni petas aldoni 1 respondkup. Aliĝilojn akceptas ĝen. sekretario S-ro Joja Mareš en Luhačovice, kotizaĵojn kasisto S-ro E. Zaterky, Krakow, ul. Dluga 11/1 (Galicio). Konto ĉe la Esp. ĉekbanko en London.

J. Mareš (Del. U. E. A.).


# REKLAMO

## TARIFO

**Anoncetoj.**

Korespondado. — *Unu enskribo (2 linioj)*: $ 0.20 (= 50 centimoj).

Petoj & Proponoj ; Komercaj reklamoj. — *Unu linio (10 vortoj)* : $ 0.15 (= 40 centimoj).

*Niaj abonantoj rajtas unu enskribiĝon por korespondado aŭ duliniam anonceton senpage.*

**Reklamo.**

*1 linio aŭ ĝia spaco Sm. 0.20 (= 50 centimoj).*

*Por 4 enpresoj (anonceto aŭ reklamo) rabato de 10 o/o : por 12 enpresoj, 25 o/o ; por 24 enpresoj (unu jaro), 50 o/o.*

Avizo. — Ĉia reklamo aŭ anonceto estu sendata antaŭ la 10-a kaj 25-a de ĉiu monato al nia administrejo aŭ per niaj agentoj. Antaŭa pago per poŝtmandato aŭ respond-kuponoj. Naciaj markoj ne akceptataj (krom por Hispanujo kaj Rusujo).

Ĝeneralaj Agentoj. — G. Warnier, 15, rue Montmartre, *Paris* ; A. G. Browne, 20, Wellington St. Strand, *London, W. C.* ; Ger-

mana Esp. Librejo, Sternwartenstr., 40, *Leipzig*; Esperanto-Librejo, Tverskaja 28, *Moskvo*.

## KORESPONDADO

Ni atentigas la personojn, enskribitajn sub tiu rubriko, ke ili devas konsideri kiel *devon* kaj *honoron* respondi almenaŭ *unufoje* al ĉiuj personoj, kiuj skribos al ili laŭ tiuj anoncoj. Ĉiuj korespondantoj skribu sian adreson plej legeble (en nacia lingvo), se eble per stampo.

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. b.fl. = *bildflanko*.

Amiens (Francujo, Somme). — Dekok studentoj ĉe la instruista edukejo (normala lernejo por instruistoj) : dez. koresp. kun junaj gesamprofesianoj alilandaj. Ankaŭ kelkaj liceanoj 12-16 jaraj havas saman deziron. S-ro G. Queste. prez. de la Esp. Gr., rue Jeanne-d'Arc, 44, donos adresojn.

S. Peternica Plevna (Bulgarujo). — S-ro Zah. Iliev. PK. L. kun frukt-vinber-kulturistoj ĉiulandaj.

Lyon (Francujo). — S-ro Joanny Cloupet, industriisto, 87, rue Masséna. Pri komerc. af. ĉie krom Belg., Franc. Germ. kaj Svis. L. PK.

Portsmouth (Anglujo). — F-ino H. Noad, 14, Francis Av. kun Esp-istinoj. PI.

Pavia (Italujo). — Esp.-Konsulejo por la Italaj universitatoj L. kun ĉiulandaj stud. Adr. R. Universita.

Italaj Korespondantoj. — 200 gelernantoj de ĉiu aĝo kaj kondiĉo deziras korespondadon per P. S., kaj L. adresu : Scuola tecnica serale Baliano-Via Fieschi, Genova (Kursoj de Esperanto).

Budapest (Hungarujo). — S-ro Francisko Hoppe, Textilgyar. Puszta St-Lœrinc, PI. (PN. bfl.).

Wien (Aŭstrio). — S-ro O. Vyhnal. IX. Nussdorferstr. 11-a/q PI. pref. de parlament. kaj universit. L. pri sporto.

Poole (Anglujo). — S-ro J. Etchells. 14, Maple Road. PI. kun gesam. en Ital., Grek. Turk. Serb. Bulg. Rum. (PM. bfl.).

Baracaldo (Hispanujo). — Grupo Esper. S-ro Ramon Albinarrate, Str. San Juan 10-5º IP. — S-ro Vincente Echarandio, PI., portretoj kaj aliaj esper-aĵoj.

Novo-Vilejsk apud Vilno (Rusujo). — S-ro Ivan Stanjeviĉ. PI.

Cleveland (Usono, Ohio). — Ni serĉas korespondantojn tute tra la mondo per L. aŭ PK. — S-ro Benj. E. Jones, 2.152. W. 53rd St. — F-ino Myrtle Du Broy, 3.410 Lorain Ave. — F-ino Clara Palmer, 1.314, Rockefeller Bldg. — S-ro C.-F. Jones, 2.123, W. 53rd St.

Sofia (Bulgarujo). — S-ro Georgi Gaŝevski, str. usungovo v-18. — S-ro Simon J. Taĝer, agento de la societo « Balkan ».

York (Usono, Pa). — S-ro E. E. Brill, Box 95 L. PI.

Moskvo (Rusujo). — S-ro Kulikov V. L. Pokrovska ul. 61.

Furth-i-B. (Germanujo). — S-ro Alois Koeniger, ŝtata oficisto, Blumenstr., 42, PI. — S-ro Ebersberger, instruisto, Goethestr., 3, PI. — S-ro Franz Sammeth, ŝtata oficisto, Winklerstr., 29, dez. PK. aŭ kovertojn kun enpresita poŝta marko.

Trieste (Aŭstrio). — S-ro Valeriano Pobusta Via dei Pallini, 4-III. PI. — S-ro Antonio Costantino Micolini. Via Poste, 12-I, PI. — S-ro Umberto Miotti, Corso, 1-III, PI. — S-ro D-ro Gaetano de Prati, juĝisto ĉe la tribunalo PM.

Colorado Springs (Usono, Colo). — S-ro C. M. Balkam, P. O. Box, 228, dez. koresp. per PK. kaj L. (kun portreto), kun samid. nur el Ital., Japan., Grek., Rus., Turk.

Cherbourg (Francujo, Manche). — S-ro Bernardon, 5e d'Inf. Coloniale, 6e Compagnie, PI. (PM. bfl.).

Avignon (Franc.). — S-ro A. Euryale, Poste restante, 795, PI.

Troyes (Franc., Aube). — S-ro H. Bourgeois, 11, rue Brocard, PI.

Pleven (Bulgarie). — Aleksendrovskja, str., N-o 295. — S-ro P. Monov, dez. kun samideanoj nur de Ital., Ruman., Grek., Turk., Monténégro, Sved., Svis., Serb., Holand., Finlando kaj Islando. — Ĉiam tuj respondas, PK., PI.

Barcelona (Hispan.). — S-ro Josefo Hernandez, str. Corcega, 365-3º-2ª, PI.

Issoudun (Franc., Indre). — F-ino M. Richard, rue Daridan, L. kun italoj, hispanoj, azianoj.

Boulogne-sur-Seine (Franc.). — « L'Amikaro » Esp. Gr. per PI. kun aliland. — Sin turni al S-ro Chantaz, Chaussée du Pont, 11 *bis*.

Harmanli (Bulgar.). — S-ro Georgi V. Granĉarov, PK. PN.

Varsovio (Rusa Polujo). — S-ro K. Tyminski, str. Sadova Nº 10-10. PI, fotografajkartoj.

Ludwigsburg (Germanujo). — S-ro Ferdinand Pfeil, Alleenstr., 17, kun alilanduloj, P. PI. L.

Veszprém (Hungar). — S-ro Balint Lajos, Kœkép.-utca, 1, PI. PM.

Praha-Zizkov (Aŭstrio, Bohem.). — S-ro B. Makes, Harantova, 244, PI. (PM. bfl.).

Stettin (German.). — S-ro W. Munster, Hohenzollernstr., 58-II, PI. L. kun aliland.

Crozant Creuse (Franc.). — S-ro A. Pinard, kun fremdaj meblistoj.

Prostejov (Aŭstrio, Moravio). — S-ro Ant. Tyl, Olom. ul., 57, PI.

Berlin (German.). — S-ro Martin Zademack, Lueblener Str. 27, S. O. 33, PI. — S-ro Alexander Bschorr, Kastanienallee, 73-II, Nº 37, L. PI.

Moskvo (Rusujo). — S-ino Lidy Jakovleff, Tverskaja, Leontievskij per. dom Granat kv. 1, PI.

Warnsdorf (Aŭstrio, Bohem.). — S-ro Adolf Peschel, 308-III, PI. L.

Saratov (Rusujo). — S-ro A. M. Niŝĉenkov, Pokrovskaja ul. goraĥ N-o 10, L. PI.

Wien vii. (Aŭstrio). — S-ro I. Krupiĉka, Kaiser str. 83/5, PK. PI.

Dwinsk (Rusujo). — S-ro Ĥorvat, Gaek, N-o 24, domo Ziwŝic interŝ. 1, PI. nur vidaĵoj de ĉef-urboj, aŭ Tiwiera ; Sendas vidaĵojn de Peterburgo, Moskvo kaj tipoj, 2, per siaj malgrandaj portretoj, poŝtkarte, 3, alian korespondadon fingas.

Olot (Hispan., Katalunis). — S-ro Josep Pi, Del. U. E. A. Passeig del firal, 21, L. PI. — S-ro Josep M. Gorgonta, Plazza de Catalunga, L. PI.

Perpignan (Franc.). — Saillens, kapitano ĉe 24-a kolonia regimento.

Petrozavodsk (Rusujo, Olonetzkaja gub.). — Semen, Epinov, Ŝirokaja ul. 15.

Pol Ostrava (Aŭstrio, Sibeiio). — Jan Babinec, Subdel.

Radvanice (Aŭstrio, Silezio). — Josef Sliva, Salmovec, 1, Pol. Ostrava, Viedel.

Rohova (Bulgar). — Mihail Krajev.

Saint-Lô (Franc., Manche). — Reichier, 4, rue Dollée.

Salmovec (Aŭstrio, Silezio). — Rud. Svoboda, 413, Subdel.

Chalette (France, Loiret). — S-ro Th. Desbrosses, profesoro, PM. nur kun Turkoj, Grekoj, Rumanoj, Serboj, Bulgaroj, Montenegroj, Norvegoj, Luxembourganoj, Angloj, Austroj (jubileajn 1910), Amerikanoj kaj Afrikanoj.

Troyes (Francujo). — S-no Hiltbrunner, Cité Robert, 12, PI. L. precipe kun Japanoj kaj Ĥinoj.

Gross-Schœnau (Germanujo). — S-ro Karl Christoph nur kun

Turkoj, Grekoj, Rumanoj, Serboj, Bulgaroj, Montenegroj, Portugaloj, Italoj, Norvegoj, kaj kun samideanoj en Azio, Afriko, Ameriko.

Cholet (Francujo). — La geanoj de la Esp.-Grupo L. Pl. skribi al prez. S-ro G. Tétaud, rue Bons-Enfants.

Lodz (Rusujo, Polujo). — S-ro K. Orzechovski, str. Piotrkovska N-o 242, Pl.

Cordoba (Respubliko Argentina). — S-ro Martin Foledo, str. Lima 234. Pl. L. kun ĉiuj samideanoj. Li serĉas ankaŭ poŝtmark kolektistojn en sia lando, sed li mem ne kolektas.

Boulogne-sur-Mer. — S-ro Victor Haigneré, internaciaj transportoj, 149, rue du Moulin-à-Vapeur, Pl.

Paris (Francujo). — G. Charles, 10, rue Thouin (Ve). Pl.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

ESPERANTISTA POETINO verkas ĉiajn festkantojn. Bonaj referencoj, malaltaj prezoj. Mendante oni aldonu notfolion de la dezirata melodio. Julie Wolfson, Breslau (Germanujo), Aŭgustastr., 36.

HARFELOJ. — En Anglujo oni dez. aĉeti bonajn harfelojn de Talpoj. Bonvolu sciigi pri nombro kaj afrankita prezo sub la adreso : T. 400 « Esperanto » Genève, rue de la Bourse, 10.

MI DEZIRUS interŝ. konversacion kun frendulo loĝanta en Porizo kaj parolanta korekte Esperanton. Skribi : G. D. Bureau, 6, poste restante, Paris.

ĴURNALOJ. — S-ro J-B. Oldrich Adamek en Červeny Kostelec (Bohem.) dez. naciajn ĵurnalojn de la tuta mondo. Interŝanĝe li sendos bohem. ĵurn. aŭ Pl.

LABORO. — S-ro Souchay, 134, boulevard Exelmans, Pariza Laborkonsulo petas ĉiujn parizajn kaj francajn Esperantianojn sendi al li sian adreson kaj metion, por ke li povu respondi al la demandoj de metiaj korespondantoj.

EKSPEDA FIRMO. — Krook Persson, en Lübeck. Ekspedoj la nordo. Eksport- kaj import-komisioj. Adreso : G. Klefe, Unterave, 8, Lübeck (Germanujo).

ĈU VI AMAS belajn kantojn? Se jes, ensendu tuj 20 Sd. (duona prezo) poŝtmandate aŭ du respondkuponojn al Emil Finn, Upsala (Sved.) kaj vi ricevos la libron *Sveda Kantaro*, enhavantan 30 svedajn kantojn, esp. trad. kun melodioj.

ŜPARMONO 4 %. — Eldonejo « Esperanto ». Leipzig, Augustenstr. 17 p. r., Germanujo.

POŜVORTARO. — Tre interesa libro por hispanlingvanoj kaj fremduloj vizitontaj latinajn landojn. Enhavas pli ol 10.000 radikojn. Lukse bindita 2 Fr. Adresu al S-ro X. Tuduri, S. Sebastia (Hispanujo).

SILISTRA-BULGARUJO. — S-ro Janko Davidoff, fabrikanto de feraj kaj ferladaj artikoloj serĉas bonan specialiston de tiaspeca industrio kiel direktoron aŭ gvidiston de sia fabriko. Bona salajro. Skribu al la suprecitita adreso.

INĜENIERO 36 JARA, tre energia, lerta teknikisto, kondukis dum 18 jaroj ĉiupecajn laborojn kaj marmorajn laborejojn proponas sian kunlaboradon al serioza firmo. — Adresu : boulevard Joseph V. 23, Charleroi, Belgujo.

RIPREZENTADO. — F. Peake Sexton A. R. C.S., A. M. I. E. E. deziras riprezenti en Anglujo, fremdajn elektrajn aŭ inĝenierajn firmojn. Li zorgas pri teĥnikaj patentoj. Clarence Chambers, London Rd., Kingston-on-Thames, Anglujo.

POR JUNULOJ. — F. L. G. Maréchal, B.-A. Direktoro (Lingva fako), Northern institute, internacia komerca lernejo, prezidanto de Internacia Asocio de Instruistoj, 384, Kingston Terrace, Leeds, Anglujo, akceptas fremdajn junulojn kiuj deziras ellerni la Angl. Lingvon kaj komercajn metodojn. Banejo ; bilardĉambro, fumĉambro, k. t. p. Jare 500 Sm.


## BELAJ MUZIKAĴOJ

Favorata kanto « Mi Aŭdas Vin », 70 Sd. Ŝatata himno « Ĉielo Bela », 10 Sd. 5 ekz., 35 Sd. Herbert Harris, Portland, Maine Usono.

## UNIVERSALA ESPERANTIA LIBREJO

### ELDONAĴOJ

*Esperantia Biblioteko.*

1. **Oficiala Dokumentaro de la 1a kongreso de U. E. A.** — Plenaj raportoj pri la agado de U. E. A. Protokolaro de la kunvenoj, listo de la kongresoj. Prezo : 50 Sd. afranke.

2. **Oficiala Jarlibro 1911.** — Plenaj informoj pri U. E. A. Listo de la Delegitoj, Subdelegitoj, Oficejoj kaj Entreprenoj. Prezo : 30 Sd. ; senpage por Esperantianoj.

3. **L'Espérantisme.** — Propaganda broŝuro en *franca* lingvo pri Esperantismo, U. E. A. kaj ĝiaj servoj, kun elementoj de la lingvo Esperanto. *Tute nova eldonaĵo.* Prezo : 10 Sd. afranke. Alilingvaj eldonoj en preparo.

**Les relations internationales.** — *Comment les faciliter? Comment les développer?* Propaganda folio 4 paĝa en *franca* lingvo. *Tute nova eldonaĵo*, rekomendata al ĉiuj propagandemuloj. Prezo : 50 ekz. 50 Sd. afranke ; 100 ekz., 1 Sm.
Alilingvaj eldonoj en preparo.

**Oficiala insigno.** — Verda stelo kun blanka tranĉrando kaj la literoj U. E. A. Prezo : 36 Sd. (pinglo aŭ broĉo), butono 40 Sd. Por rekomenda sendo, 10 Sd. Sd. plie.

**Oficialaj leterpaperoj, kovertoj kaj poŝtkartoj.** — 100 folioj de leterpapero : 70 Sd., 100 kovertoj : 40 Sd., 100 poŝtkartoj 70 Sd.

**Oficialaj markoj.** — Markoj kun la bildo de D-ro Zamenhof, gluotaj sur la korespondaĵoj. Prezo : 100 ekz., 85 Sd. (je la profito de la Centra kaso de U. E. A.

**Gvidfolioj.** — Plena kolekto de la diversurbaj gvidfolioj. Prezo : 50 Sd. afranke.

ĴUS APERIS :

## LA KATO

De J. Rajberti

Trad. el itala lingvo, de *A. TELLINI*

Ĉarma literatura verko

Prezo : 20 Sd. afranke

**DIETO POR**

# ARTRITISMULOJ




TRINKI ĈIUMANĜE

**VICHY CÉLESTINS**

EN ĈIUJ TRINKEJOJ :

**UNU KVARON BOTELO**

*MALSATIGA*
*Antaŭ la Manĝo*

*DIGESTIGA*
*Post le Manĝo*

Grafikaj Artoj de Publicite " ESPERANTO ", Herlemont



## S.-PETERBURGO

Plenaj kolektoj vidaĵoj de Sankt.-Peterburgo, ordinaraj kaj koloraj po $ 2-2.50 kaj 3. Albumoj panoramaj tre riĉaj $ 5. — 10 kaj 15. Sin turnu al S-ro J.-N. TASOVSKIJ (Russie), S.-Peterburgo, Vasiljevskij Ostrov, 16 linija d. N· 23 kv. 3· Poŝtmarkojn ne akceptas.



*La sola internacia signo estas :*

## LA VERDA STELO " GASSE "

*kun ore skribita vorto " ESPERANTO " (déposée-registrita)*. (8ª jaro)

**REKONIGILO ! PROPAGANDIDO !**

Pingloj, broĉoj, kravataj pingletoj : 1 : Fr. **0 75.** 10: Fr. **6.** — 100: Fr. **45.** — afr. kaj rekom.

Ĉensignoj (kun duobla faco) 1 : Fr. : **1 50,** 10 : Fr. **12.** — Afr. kaj rekom. Konto kun Cekbanko.

Mendu ilin al via grupo, aŭ per simpla poŝtkarta mandato al Sinjoro Emilo Gasse, 55, rue Fred. Bellanger, Havro, Francujo, aŭ al subtenejoj : Belgujo : S-ro O. Van Schoor, Vondelstr. Antverpeno. Britujo : Esp. Oficejo Liverpool. Germanujo : Moller et Borel, Berlin. Hispanujo : Manuel Fuentès Bidebarrieta, Bilbao. Rusujo : Moskva librejo Esperanto, Tverskaja 28. Moskvo.



INTERNACIA PROPAGANDA KORESPOND-POŜTKARTO, seslingve kun belega bildo de nia majstro. Po 10 ekz. Sm. 0.15; po 50 ekz. Sm. 0.55; po 100 ekz. Sm. 0.90; 1000 ekz. Sm. 5.20, afrankite. Oni akceptas ankaŭ poŝtmarkojn ĉiunaciajn, transpagilojn kaj Espĉekojn. *Germana Esperanto-Librejo*, Sternwarte 40, Leipzig, Germanujo.


## KOMERCAJ REKLAMOJ


**Salvator Apoteko J. C. Dienes en Osijek. — Kroatio** mondfame kaj senĉese ekzistas jam de 18ª jarcento.

La kapabla nuna posedanto — spertulo de sia fako enkondukis en sian apotekon tute modernan movilaron. Ĉi tie oni prizorgas ĝustafake kaj plej rigore ĉiujn ĥemiajn kaj mikroskopajn analizojn medicinajn. Ĉiuj receptoj pretiĝas konscience. Al aferoj de la farmacia laborejo oni aplikas apartan atenton.

Tute apartan famon akiris la Osijeka Salvator. Apoteko al si per ĝiaj bonegaj preparaĵoj kosmetikaj. Precipe ĝiaj *tualetartikoloj por la vizaĝ-kaj haŭtflegado* estas distingaj, idealaj preparaĵoj. La famekonata *enlug-pomado* kaj *Lavakvo. Salvator-Sapo* kaj *Miranda-Kremo, Ideal-Kremo, Milic-Pomado, Ĥinapomado, Lyona Rizfaruno ktp. ktp.* estas la plej perfektaj specialaĵoj kosmetikaj.

Kosmetikaj specialaĵoj de l'Osijeka Salvator Apoteko forsendiĝas jam 58 jarojn en ĉiujn landojn kaj pli ol 500.000 dokumentoj, da efektivigitaj mendoj, konserviĝas disponeblaj al ĉies enrigardo.

Pri ĉio ĉi tio certigas ne nur *Osijeka Delegito U. E. A.* sed ankaŭ *Esperanto* mem.

Esperantianoj tutmondaj ! Uzu ni kaj disvastigu ni ĉiuj tutmonde laŭ la ĉi-tiea certigado kaj devigitaj per esperantiana solidareco la mondfaman Osijekan Salvator-Apotekon J. C. Dienes ! Ĉi tiu Apoteko estas ankaŭ Esperantia Entrepreno kaj la estro estas fervora Esperantiano.

Drag. Mirko Kaničar (Del. U. E. A.)



**SAMIDEANOJ, ATENTU !**



**Novajn insignojn fabrikas la firmo**

## H.-E.-D. AUDOIN

*81, Rue de Beaubourg, PARIZO*

**Dika stelo,** *verda emajlo* kun ora rando ; uzebla kiel broĉo, kravatpinglo, ĉenpendaĵo aŭ por butontruo.

**Prezo** : 0.24 Sm. ; po 10 : 2 Sm. ; po 50 : 8 Sm. ; po 100: 14 Sm.

*El arĝento* : 0.60 Sm. ; *orita arĝento* : 0.90 Sm. ; *el oro* (18 karatoj) : 4.80 Sm.

**Ĉenpendaĵoj** « Esperanto », ambaŭflankaj ; arte kaj zorge farita laboro.

**Prezo** : 0.48 Sm. ; po 10 : 4 Sm.; *El arĝento* : 1 Sm.; *orita arĝento* : 1.80 Sm. ; *el oro* : 7.20.

Sendo afrankita ; pago per mandatoj aŭ poŝtmarkoj.

**RABATO POGRANDE**

**Ĉapelpingloj** por S-inoj ; prezo : 0.30 Sm. ; po 10 : 2.40 Sm. ; *el oro* : 7.20 Sm.

**Insignoj** por ĉiaj societoj ; sporto, gimnastiko, festoj, muzikistaroj.

medaloj, metalmarkoj, skulptaĵetoj, diplomoj.

**Flagoj** por konkursoj, **Mortotukoj.**

Rabato al Esperantistoj. Ilustrita katalogo senpage ricevebla laŭ mendo.

## MARŜO DE LA ESPERANTIANOJ

Marŝu antaŭen, Esperantianoj,
Avangardo de la batalantoj
Por la paco, pioniroj fervoraj,
Dissemantoj de vivo kaj am' !...!
El ĉiuj landoj, de ĉiuj rasoj,
De ĉiuj partoj kaj religioj
Eklevu unu voko, eklevu unu kanto,
Parolu unu lingvon, parolu Esperant'!

L. Scarselli.

N. B. — Por akiri muzikaĵon de tiu poemo, sin turni ĉe D. E. O. aŭ ĉe l'aŭtoro en Firenze. via del "Agnolo 48.
Prezo : Sm. 0.50 (Fr. 1.25).


## ĈAMPANO ESPERANTO

Pro sia bongusto, pro sia natureco, pro sia komerca marko : « La Verda Stelo », tiu ĉampanvino de la firmo Gustave Iverneł ĉe Ay, Champagne, Francujo, speciale taŭgas por Esperantistaj kongresoj, festenoj, kunvenoj, k. t. p.

Po 1 botelo : Sm. 1.10, 1.40, 2 laŭ kvalito ; Fr. 2.75, 3.50, 5 laŭ kvalito. La botelo prenita ĉe Ay.

Por mendoj, informoj kaj prezaroj sin turni al : S-ro WILLERMOZ, U. E. A., No 19 - 44.94.1 ĝenerala riprezentanto por la tutmonda Esperantujo.

Oni petas pri fidindaj subagentoj.

*Quai Lunel, 24, Nice, France.*




VAN DE STADTS

**ALUMINIA LUTO VERA**

ĜENERALA AGENTO :

**J. VAN DE STADT,**

*12, Avenue de Keyser, Antverpeno, Belglando.*

CENT DIVERSAJ POŜTKARTOJ Esperantaj por elekti. Mendu prezaron de Eldonejo Esperanto ; Germanujo, Leipzig, Augustenstr. 17 p. r.

9 LAMPIONOJ, formante la vorton Esperanto, Sm. 1.50 kaj sendelspezoj. Eldonejo *Esperanto*, Germanujo, Leipzig, Augustenstr. 17, p. r.

150 ESPER. POŜTKARTOJ diversaj Sm. 4.50 (100, 3 Sm.). Mendu prezaron. Eldonejo *Esperanto*, Germanujo, Leipzig, Augustenstr. 17 p. r.

DELEGITOJ ! Prezarojn petas Rotterdamsche gereedscharhandel, Nieuwe Markt, 11, Rotterdam, Nederlando. Societo por la vendado de iloj kaj maŝinoj por buĉistoj.

GRANDA HOTELO DU GLOBE, Paris, 71, rue Monge (apud rue Lacépède). Posedanto A. Leclerc. Proksime stacidomoj Austerlitz-Lyon-Montparnasse kaj Sportoĝardeno Sorbonne-Luxembourg'a ĝardeno. Ĉambroj de 0,80 Sm. ĝis Sm. 2. La gemastroj estas esperantistoj.

**Kvaroncentjara SPERTO pri Publikigarto**



**ILUSTRIGU**

*VIAJN*

**ENPRESAĴOJN**

*KAJ*

*ĈIUJN VIAJN*

**PRESAĴOJN**

*PER*

*LA*

PUBLICITE





**Esperanto**

HERLEMONT

**25, rue Saint-Vincent-de-Paul, PARIS (Xe)**

Grafikaj Artoj de Publicite "ESPERANTO", Herlemont

## PLI MALKARE OL IE AJN

Senpera Vendado de la Regionaj Produktoj

# Esperantista Eksportoficejo

*58, Rue Mulatière, 58*

**SAINT-ÉTIENNE** (Francujo)

Rubandoj — Veluroj — Galonoj — Punto de Le Puy.

Ĉaspafiloj, revolveroj, fiŝkaptiloj, sportiloj — Bicikletajoj, biciklеtoj — Teksiloj — Kudromaŝinoj — Pormetia tranĉilaro — Perfektigitaj vinkulturaj maŝinoj : pumpiloj kaj vinberpremiloj.

*Silkaj Esperantajoj :* Flagetoj, skarpoj, kravatoj (speciala katalogo). — Silka portreto de D-ro Zamenhof. — Likvoro digestiga Esperantine.

*NOTO.* — Pri ĉiu informpeto, sin turni al la Esp. Eksportoficejo per poŝtkarto kun pagita respondo aŭ sendante reskondkuponon.


*La Administranto (Gérant) :* Michaud

Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo).



# ESPERANTO-OFICEJO

**Sinjorino FARGES, 36, strato Victor-Hugo, LYON (Franclando)**

*Ricevinta la 1-an premion en la konkurso de U. E. A., en la V-a kongreso en Barcelona*

Informejo por la fremdaj geesperantistoj. Centra propagandejo por la Rodana regiono. || Vendejo de ĉiuj Esperantistaj libroj kaj jurnaloj kaj ĝenerale de ĉiuj Esperantaĵoj.



## BUSTO de D-ro ZAMENHOF

*Verkaĵo de Jean CHOREL*

Lyon'a Skulptisto, Medalita de la Paris'a Salono. — La Majstro pozis speciale en Lyon je Septembro 1909-a.

Gipsa kopiaĵo alta je 18 cm., larĝa je 13 cm., en kartonskatolo

Prezo nete : **5 frankoj - 2 $**

Gravaj rabatoj por la Esperanto-Oficejo

Ligna kesteto (1 fr.) estas rekomendata por la sendoj al fremdaj landoj

La aĉetanto pagas la sendelspezojn plie

**Silkaj Esperantistaj flagetoj** (4cm sur 6cm), **fiksitaj sur pingloj**. — **Silkaj ĉiunaciaj flagetoj** (4cm sur 6cm), **fiksitaj sur pingloj**

Ĉiu flageto : **0** fr. **20** (0 $ 08)

*Specialaj prezoj pogrande por la Oficejoj, Grupoj kaj Societoj*

**LYON** — 20 malsamaj poŝtkartoj kun vidaĵoj de la monumentoj. || **VIENNE** — 20 malsamaj poŝtkartoj kun vidaĵoj de la antikva romana urbo.

*Kun klariga teksto en Esperanta kaj Franca lingvoj*

| | | |
|---|---|---|
| La kolekto da 20 | **0** fr. **85** | (0 $ 34) |
| — 100 | **3** fr. **50** | (1 40) |
| — 500 | **15** fr. **50** | (0 20) |

**4 malsamaj poŝtkartoj pri la Ruĝa Kruco Esperantista**

(eldonitaj de la Lyon'a Esperanto-Oficejo)

| | NIGRAJ | KOLORIGITAJ |
|---|---|---|
| La kolekto | **0.40** (0 $ 16) | **0.60** (0 $ 24) |
| 100 | **4.00** (1 60) | **6.50** (2 60) |
| 500 | **18.50** (7 40) | **21.00** (8 40) |

**SAINT-ETIENNE**. — 12 malsamaj poŝtkartoj kun vidaĵoj de la monumentoj, kaj kelkaj vidaĵoj de Rochetaillée.

La kolekto : **0** fr. **50** (0 $ 20)

**Esperantistaj Sigelmarkoj** (verda stelo sur blanka fundo kun la vorto « *Esperanto* ») gluhavantaj sur la dorsa flanko, gluigotaj sur leterpaperoj, kovriloj, afiŝoj aŭ en kunvenejoj kaj vagonfakoj. Bonega propagandilo.

| | | |
|---|---|---|
| 500 markoj | **1** fr. **50** | (0 $ 60) |
| 1.000 markoj | **2** fr. **50** | (1 $ ») |

**La Firmo S. FARGES estas]:**



La plej granda presejo kaj eldonejo de poŝtkartoj en Lyon ;

La plej granda vendejo kaj interŝanĝejo de poŝtmarkoj en Lyon.




*Oni sendas kolektojn por elekti kontraŭ monsumo*

La « Esperanto-Oficejo » deziras ricevi broŝuretojn, foliojn, specimenojn kaj proponojn pri propagando kaj komerco.

---

**50 Jara sukceso!**

# OSIJEKA VIZAĜPOMADO KAJ OSIJEKA SALVATOR-SAPO




*forigas lentugojn, kaj ĉian malpuraĵon de l'vizaĝo*

**Malfalsa nur en la Salvator apoteko**

# J.-C. DIENEŜ, OSIJEK (Essegg) (Kroatujo)



1 vazeto da osijeka vizaĝpomado kostas po 70 heleroj kaj po 1 Krono (1 Krono = 100 h. = 42 spesdekoj); 1 peco da Salvator-sapo 1 K. Unu vazeto da manŝmiraĵo 1 K. 20 h. Lyona pudro, malgranda skatolo 1 K. granda skatolo 2 K. Tiuj ĉi rimedoj ne havas domaĝajn konsistaĵojn kaj tutege respondas al la regularo de la alta registaro.

**KIAL ESTAS UZOTA NUR**

## « MIRANDA-KREMO » ?

Ĉar *Miranda*-Kremo estas perfekte nedomaĝa, ĉar per « **Miranda-Kremo** » **oni atingas idealan belecon**, ĉar *Miranda*-Kremo forigas ĉian malpuraĵon de la haŭto, ĉar *Miranda*-Kremo ne nur **plibeligas**, sed ankaŭ **junigas**. Unu vazeto da « **Miranda** » **Kremo** kostas 1 K. Unu skatolo da « **Miranda-pudro** » (trikolora) 1 K. unu peco da « **Miranda** » **sapo** 70 h.

Ricevebla ĉe la produktanto **J.-C. DIENEŜ**, post Osijek, supera urbo, de kie mendoj per poŝtpago tuj efektiviĝas.

La korespondado kun la **Salvator-Apoteko**, de **J.-C. Dieneŝ** estas ankaŭ en la lingvo **Esperanto** krom la lingvoj germana, angla, franca, itala, latina, kroata, serba, aliaj slavaj lingvoj kaj la magyara.

La korespondanto de firmo J.-C. Dieneŝ estas Drag. Mirko Kaniĉar, Delegito U. E. A.

---

# HOTELO

## LOUIS-LE-GRAND

**2, rue Louis-le-Grand, PARIS**

En belega loko, inter la rue de la Paix kaj Avenue de l'Opéra. Moderaj prezoj. Oni parolas en Esperanto. English Spoken. Man spricht Deutsch. Se habla Espanol.

---

BORDEAUX-VINOJ

# Firmo Emile LAMY, Posedanto

*BORDEAUX (Franclando)*

Vinoj de Tablo. Ruĝaj kaj Blankaj, per barelo aŭ duonbarelo.

Vinoj Maljunaj. — Ruĝaj kaj Blankaj, per barelo, duonbarelo, kvaronbarelo, aŭ per kesto, diversspeca.

*Likvoroj de Vinoj — Alkoholoj — Ĉampanoj.*

Sin turni al Sro **Arnoux,** sola agento, 11, strato Chaligny, Paris (Franclando). Sendo de specimenoj laŭ peto. Oni korespondas Esperante.